**Abonprezo por jaro: 9·—, duonjaro: 5·—, unu ekz.: 1·— svisaj frankoj, specimeno: 1 resp. kupono**
Kolektiva abono la duonon. Por kurzsuferaj landoj favoraj prezoj. Petu detalajn informojn.

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas.
La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

# NIAJ ELDONAĴOJ

**Verkoj de JULIO BAGHY:**

Dancu Marionetoj, noveloj tolb. 5.40, broŝ. — — 3.40
Migranta Plumo, noveloj tolb. 4.60, broŝ. — — 2.70
Viktimoj, romano tolb. 7.40, duont. 5.60, broŝ. — 5.—
Hura! romano tolb. 10.— broŝ. — — — — — 7.40
Preter la Vivo, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — 2.—
Pilgrimo, poemaro tolb. 3.—, broŝ. — — — — 1.80

**Verkoj de KOLOMANO KALOCSAY:**

Lingvo, Stilo, Formo tolb. 4.90, broŝ. — — — 3.—
Malkara eldono bind. 2.50, broŝ. — — 1.50
Streĉita Kordo tolb. 5.70, broŝ. — — — — — 4.—
Rimportretoj tolb. 4.50, broŝ. — — — — — 3.—
Eterna Bukedo, Internacia poemantologio, 352 paĝa. Duonlede bindita — — — — — 11.30
Madách: Tragedio de l' Homo luksa 5.50, simpla 4.—
Petőfi: Johano la brava luksa bind. 7.—, simpla bind. 5.20, broŝ 1.50
Goethe: Romaj elegioj; La Taglibro, silkebind. 5.— bind. 3.—, broŝ. 2.—
Hungara Antologio bind 14.—, broŝ. — — 12.—
— G. Waringhien: Kiel fariĝi poeto aŭ Parnasa Gvidlibro bind. 5.—, broŝ. — — — — 3.60
Dante: Infero bind. 11.—, broŝ. — — — — 8.80
Hekler: Arthistorio I. bind. 15.—, broŝ. — — — — 13.—
Dekdu Poetoj. Poemantologio. Redaktis: Kalocsay bind. 4.—, broŝ. 2.50; luksa bind. 5.—, broŝ. 3.20
B. Mussolini: Vivo de Arnaldo, bind. 3.30, broŝ. 1.80 luksa bind. 4.—, broŝ. — — ( — — — 2.20

**ALIAJ VERKISTOJ:**

Bleier—Kökény—Sirjaev: Enciklopedio de Esperanto. Vol. I. (A—J) bind. 17.—, broŝ. — — — — 15.— Vol. II. (K—Z) bind. 17.—, broŝ. — — — 15.—
S. Asch—I. Lejzerowicz: La Sorĉistino el Kastilio romano bind. 5.—, broŝ. — — 3.50
Grenkamp — Brzekowski: Pri l' Moderna Arto bind. 9.—, broŝ. 7.—
J. Forge: Mr Tot aĉetas mil okulojn — Romano bind. 5.80, broŝ. 4.—
Francisko Szilágyi: Poemaro el Hungarlando bind. 2.50 broŝ. 1.50
Francisko Szilágyi: Trans la Fabeloceano novelaro bind. 4.50, broŝ — 3.—
Szilágyi: La Simpla Esperanto (gram. por hung.) broŝ. 1.35
Teodoro Schwartz: Modernaj Robinzonoj broŝ. — 1.50
La Pentroarto en la malnova Hungarujo, kun 95 ilustrajoj duonlede bindita — — — — — 15.50
L. Totsche: De Paĝo al Paĝo studoj bind. 4.—, broŝ. 2.50
Engholm: Homoj sur la Tero romano bind. 5.—, broŝ. 3.60
Engholm: Infanoj en Torento romano, bind. 3.50, broŝ. 2.—
Kenelm Robinson: Homarisma Laboro broŝ. — — 0.60
I. Ŝirjaev: Peko de Kain broŝ. — — — — — — 1.—
H. Weinhengst: Turstrato 4. romano bind. 5.50, broŝ 4.—
E. Alsberg: Fine mi komprenas la radion! bind. — 6.— broŝ. 4.50
K. Karinthy—L. Totsche: Vojaĝo en Faremidon broŝ 1.20
K. R. C. Sturmer: El Notlibro de Praktika Esperantisto. bind. 4.—, broŝ. — — — — — — 2.50
Slonimski—Grenkamp: Mia vojaĝo en Sovetio bind. 4.20, broŝ. 2.70
Teodor Herzl—B. Selzer: La Juda Ŝtato bind. 4.20 broŝ. 2.70

Hungara Ŝlosilo — — — — — 0.18
Jelušić—Rotkvić: Cezaro bind. 11.—, broŝ — — 9.—
R. M. Rilke—Münz: Leteroj al Juna Poeto bind. 1.35
Adamson: Auli bind. 3.—, broŝ. — — — — — 1.60

**Prezoj en svisaj frankoj!**
Aldonu 10% por sendkostoj

# Niaj reprezentantoj:

AUSTRIO: Rudolf Foltanek, **Wien,** I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704
AUSTRALIO: L. E. Thomson, p. a. R. G. Rawson, **Melbourne** 169 Exhibition Str.
BELGUJO: Belga Esperanto Instituto, **Antwerpen,** 21, Willemstraat. Poŝtkonto nro 1689.58.
Flandra Esperanto-Instituto. **Kortrijk,** Magdalenastraat 29. poŝtkonto nro 3268.51.
BRITUJO: Brita Esperantista Asocio **London** W. C. 1. 142. High Holborn
BULGARUJO: Centra Librejo »Esperanto« **Sofia** str. Maria Luiza 38.
ĈEĤOSLOVAKIO: Ĉeĥoslovaka Esperanto Asocio — **Praha XIX** 447. Uralské nám. Poŝtkonto: Praha 9.602.
DANUJO: Isosek, sro L. Friis **Aabyhöj,** Frodesvej 21. **Poŝtkonto nro:** 16295.
ESTONIO: Helmi Dresen, **Tallinn,** Poŝtkest 6.
FRANCUJO: Centra Esperanto Librejo **Paris** 6e, 11 rue de Sévres Poŝtkonto: Libraire Centrale Esp.-iste, Paris nro 19601.
**S. Grenkamp-Kornfeld,** Paris XIV-e 117 Bd. Jourdan.
GERMANUJO: Poŝtĉekkonto de Vilmos Bleier, **Berlin** 138084
HISPANUJO: Ferdinand Montserrat, **Barcelona,** str. Provenza 75, 2—3a
ITALUJO: Itala Esperanto Centro **Milano,** Galleria Vittorio Emmanuele II. 92 Poŝtkonto: Milano, c/c postale 3/18715.
JUGOSLAVUJO: Sudslava Esperanto Servo **Zagreb,** Primorska 11.
La Suda Stelo **Slavonski Brod** Poŝtfako 44.
NEDERLANDO: Internacia Cseh Instituto **Haga** Riouwstraat 172. Poŝtkonto Nr. 162.626.
NORVEGUJO: Norvega Ligo Esp-ista, **Oslo,** Bergsliengata 11.
POLUJO: Halina Weinstein, **Warszawa,** str. Leszno 99. P. K. O. W. Nr. 27867.
RUMANUJO: Esp.-Instituto Rumana, **Cluj,** str. Bravilor 15
SVEDUJO: Förlagsföreningen Esperanto, **Stockholm,** 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578.
SVISUJO: Nova Esperanto Grupo, f-ino Halter Prisca, Katharinengasse, 11. **St. Gallen**
JAPANUJO: Japana Esperanto Instituto Tokio, Hongoo—Motomaĉi I. Poŝtkonto: Tokio 11.325.
USONO: Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) 556 State Str.
ALIAJ LANDOJ ne menciitaj ĉi tie, bonvolu sendi poŝtmandaton al **P. K. O. Polujo,** Krakow Nro 403148 Administracja Literatura Mondo. 1 svisa franko egalas 1.72 zloty. Internaciajn poŝtajn respond-kuponojn ni akceptas en la valoro de 0.30 sv. fr. por unu.

# La familioj Winter kaj Palmley

— Thomas Hardy —

La sekvanta novelo, scenigita en graflando Dorset, venis el la plumo de Thomas Hardy (1840—1928), majstra verkisto, »la lasta literaturgiganto de la Viktorina epoko.« Iu kritikisto nomis lin krome la plej subtila kaj fortimpresa en la kampo de la tragedio de post Euripido. Nur kiuj studis liajn romanojn (ekz. Tess of the D' urbervilles, Jude the Obscure, aŭ Far from the Madding Crowd), povas diskuti tiun aserton, sed en tiu ĉi donita rakonto, malgraŭ ĝia ekstrema esprimsimplo, oni nepre devas senti iom el la mordanta ironio kaj satira pesimismo asociitaj kun ĉiuj liaj verkoj.

Ni ne povas diri, ke la instruo de Hardy multe helpas al ni kompreni la vivon aŭ ĝin ĝui. Li substrekas la malnovan aksiomon pri la pago por la peko, sed nuligas la impreson, insistante ke la homoj estas kvazaŭ automatoj, marionetoj movataj de la manoj de kaprica Fato. Li instruas al ni pri la virto Karitato, sed pri tiu ni antaŭ dumil jaroj ricevis la vorton de aŭtoritato.

Sed neniam anglo ĉesos danki lin pro liaj grandiozaj donacoj al la angla literaturo kaj multaj ankaŭ neniam ĉesos bedaŭri, ke lia kompatema, aminda animo ne trovis pli altan filozofion de l' ekzisto.

*

Rakontis la maljunulino:

»Kiam mi estis infano, en la paroĥo[1]) troviĝis du virinoj, kiuj iagrade konkuris unu la alian, koncerne la korpobelecon. Sekve, por ke mi ne dronu en detaloj, ili vivis en reciproka malamo, kiu aferstato ja ne malakriĝis en la tago, kiu vidis unu el la du forlogi la amanton de la alia kaj kun li geedziĝi. Li estis junulo, kun nomo Winter, kaj kun la kuro de l' tempo filo naskiĝis.

»La alia virino restis senedza longajn jarojn, sed kiam ŝi eniris sian tridekan jaron, kvieta homo, nomata Palmley, petis ŝin, ke ŝi estu lia edzino kaj li ricevis jeson. Vi ne rememoras la tempon, kiam la familio Palmley loĝis en vilaĝo Longpuddle, sed mi ja memoras. Ankaŭ ŝi naskis filon, kiu komprenebe havis naŭ aŭ dek jarojn malpli ol tiu de la alia virino. La infano montriĝis iom sub la meza inteligento, sed la patrino amis lin kiel la pupilon de sia okulo.

»Kiam la filo ĵus okjariĝis, la edzo de ĉi tiu virino, Palmley, mortis, lasante ilin sen ajnaj vivrimedoj. Ŝia rivalo de la antaŭaj jaroj, nun same vidvino, sed sufiĉe bonhava, sentante al ŝi kompaton, proponis dungi la knabeton kiel sendbubon, malgraŭ ties juneco. Ŝia propra filo tiam havis preskaŭ deksep jarojn. Ne povante fari alie, ŝia malriĉa najbaro devis akcepti la proponon, kaj etulo Palmley eniris la domon de la pli bonstata virino.

»Nu, pro ia kialo, kiun ankoraŭ neniu scias, la bonstata virino, s-ino Winter, en decembra tago ordonis al la knabeto iri kun mesaĝo al proksima vilaĝo, forte kontraŭ ties volo. Jam eknoktiĝis, kaj la infano petegis, ke ŝi ne sendu lin, ĉar li timas la hejmrevenan vojiron. Sed, pli malprudente ol kruele, la virino insistis, kaj la knabeto do foriris. Revenante de sia komisio, la infano devis sekvi vojstrekon tra la arbaro Yalbury, en kiu ombra loko subite io nekonata elpaŝis el sub arbo, kio teruris lin en konvulsion. Rezulte, li fariĝis kompleta idioto kaj post ne longe mortis.

»Tiam la virino Palmley rigardis la vivon nehavinda kaj ĵuris venĝon kontraŭ tiu rivalo, kiu unue forlogis ŝian amanton kaj nun kaŭzis ŝian funebron. Nu, vi devas ne supozi, ke ŝia bonstata najbaro intence afliktis ŝin per ĉi lasta bato, kvankam, verdire, ŝi tre malmulte konsterniĝis pro la malfeliĉa afero.

»Kiom ajn forta estis la venĝdeziro en la kompatinda s-ino Palmley, ŝi ne trovis bonan okazon ĝin efektivigi, kaj povas esti, ke la kuro de l' tempo estus finfine dormiginta ŝiajn amarajn sentojn en forgeson dum la malgaja trenado de soleca vivo.

»Tiel staris aferoj, kiam, jaron post la morto de la knabeto, la nevino de s-ino Palmley, naskita kaj edukita en la urbo Exonbury, venis loĝadi kun ŝi. Ĉi tiu juna virino, Miss Harriet Palmley, estis fiera, bela, tre bone edukita kaj pli bontona, delikatmaniera ol la vilaĝanoj. Tio estis komprenebla, ĉar ŝi venis el malsama medio. Ŝi pretendis sidi socie tiom pli alte ol s-ino Winter kaj ŝia filo, kiom ĉi tiuj rigardis sin pli altaj ol la kompatinda s-ino Palmley. Sed la amo ne observas la ceremoniecon, kaj jen, la juna Jack Winter, je la unua vido, freneze kaj fatale enamiĝis al Harriet Palmley. Ŝi, pli bone edukita ol li, kaj ignorante la vilaĝanan kredon pri ia rangsupereco de lia patrino super ŝia onklino, ne montris sin tro preta dividi kun li la ampasion. Sed, ĉar la vilaĝo Longpuddle ne estis vasta mondo, la du homoj, dum ŝi loĝis tie, ne povis ne intervidiĝi iom tre ofte kaj malgraŭ sia neŝatema pozado, ŝi spertis per liaj amindumoj ne malmulte da plezuro.

»Unu tagon, dum pomkolekto, li proponis geedziĝon. Pro la juna interkonateco ŝi ne atendis tian praktikaĵon kaj, surprizite, lasis sin duonjesi; ŝi ne absolute rifuzis lin kaj akceptis de temp' al tempo kelkajn donacojn.

»Sed li baldaŭ konstatis, ke ŝi rigardas lin pli kiel krudetan vilaĝbubon ol kiel junulon, pri kiu ŝi povas fieri. El tio kreskis en li la sento, ke li devas fari ion drastan por definitive kapti ŝian koron. Unu tagon do li diris: Mi foriros kaj klopodos serĉi pli bonan oficon ol kia estas akirebla en la vilaĝo; kaj post du-tri semajnoj, foradiaŭinte, li eniris la urbeton Monksbury por administri tie farmbienon, volante fariĝi mem bienulo. De tie li regule skribis al ŝi, sub la impreso, ke pri la estonta geedziĝo ili ambaŭ plene konsentas.

»Nu, Harriet ŝatis la donacojn de la junulo, kaj la admiron en liaj okuloj; sed sur papero li ne logetis ŝin tiel sukcese. Ŝia patrino, en la pasinta tempo, gvidis lernejon; krome Harriet posedis naturan talenton uzi plumon-inkon en tiaj tempoj, kiam oni tre malofte renkontis bonan skribanton, kaj kiam la simpla skribipovo estis en si mem taksata kiel efektiva klerajo. La provoj de Jack Winter en la amletera kampo agacis ŝiajn grandurbajn nervojn kaj rafinitan guston, kaj en siaj respondoj, verkitaj en tiu fluanta kaligrafio, pri kiu ŝi tiel fieris, ŝi severe, supereme ordonis al li sin ekzerci plume kaj vortlibre, se li vere deziras plaĉi al ŝi. Ĉu li sekvis tiun konsilon, aŭ ne, neniu scias, sed liaj leteroj ne montris pliboniĝon. Laŭ sia mallerta maniero li kuraĝetis ŝin informi, ke se ŝia koro pli varmus por li, ŝi ne tiel bagatelus pri lia neperfekta manskribo kaj erara ortografio; kio estis efektive vera.

»Nu, dum Jack forestis, la malforta amflamo en la koro de Harriet baldaŭ flagretis estingiĝe kaj fine mortis. Li skribis, skribadis, petis, petegis, ke ŝi nomu la kaŭzon de sia malvarmeco. Tiam ŝi rekte diris, ke li ne estas sufiĉe bone edukita por plaĉi al urbnaskitino.

»Ke mankis al Jack lerta plumuzo, tio ne igis lin malpli ol aliaj homoj vundebla ĉe sentoj. Ŝia motivado

por la amrifuzo afliktis, hontigis kaj animŝiris lin en grado nekomprenebla en la nuno. Ĉar tiam estis tre fortaj la fiero povi skribi belkonture kaj la amaro ne povi tion. Jack respondis al ŝi per kolera letereto, kiun ŝi siavice disbatis per akraj pikvortoj, moke indikante ĝiajn misortografiaĵojn. De tiam li silente elportis ŝian forjeton, sed lia sufero estis dolorega, tiom pli ĉar retenata. Ŝi ne plu komunikiĝis kun li, kaj ĉar lia foriro de Longpuddle estis motivita de deziro fondi hejmon indan al ŝi, li revenis, ne plu havante tiun motivon. Li do rezignis la bienan laboron, ĉe kiu li esperis fariĝi mastrofarmisto, kaj denove loĝis kun sia patrino.

»Tuj kiam li revenis en Longpuddle, li trovis, ke Harriet jam favore rigardas alian amanton. Tiu junulo estis vojkonstruista mastro, kaj Jack ne povis ne konfesi, ke lia konkuranto, el la vidpunktoj de bonmanieroj kaj de klero, multe lin superis. Verdire, estus malfacila trovi pli taŭgan parulon ol tiu viro por la bela knabino, kiun la sorto transplantis en vilaĝanan medion. Li povis malfermi al ŝi la vojon al multe pli da sociaj oportunoj ol povis Jack, kun necerta laborenspezo kaj malforta kapablo lukti kun la mondo. La fakto tiel elstaris por li, ke ĝi devis mildigi siajn emojn koleri ŝin pro la nova amentrepreno.

»Tiam, unu tagon, Jack hazarde ekvidis manskribaĵon de ŝia nova amanto. Ĝi kuris bele kiel rivereto, en perfekta ortografio, verko de homo bone konanta inkujon kaj vortaron, de homo, kiun la parohanoj jam nomis klerulo. Tiam sagis en la penson de Jack la kontrasto inter liaj mizeraspektaj leteroj kaj tiuj de la juna vojkonstruisto. Li ĝemis, deziregante, ke li neniam estu skribinta al ŝi, kaj demandante sin, ĉu ankoraŭ ŝi konservas liajn provaĉojn. Eble ŝi ja gardas ilin, ĉar kutime, li pensis, la virinoj faras tion; kaj dum tiuj restas en ŝiaj manoj, konstante minacas lin la timo, ke liaj simple honestaj sed stulte esprimitaj amĵuroj donos ridmaterialon por Harriet kaj ŝia nova svatanto, aŭ por ajna persono ilin trovinta.

»La nerva, melankolia junulo fine ne povis plu elporti tiun penson kaj decidis peti resendon, laŭ konveno ĉe homoj rompintaj amkonsenton. Kelkajn horojn li skizis, kopiis, rekopiis la nelongan peton kaj, fininte, li sendis ĝin al ŝia domo. La sendito tamen revenis kun la respondo: Fraŭlino Palmley informas, ke ŝi ne fordonas la siaĵojn kaj miras pri lia impertinento tiamaniere ŝin ĝeni.

»Je tio Jack koleriĝis kaj decidis mem iri por havigi al si la leterojn. Li elektis horon, kiam li sciis, ke li trovos ŝin hejme kaj, frapinte sur la pordo, eniris sen ceremonio. Ĉar sciu, kvankam Harriet estis tiel tromemestima, Jack ne respektis ŝian onklinon, s-inon Palmley, kies fileto iam devis servi kiel lia botciristo.

»Harriet sidis en la ĉambro; li do renkontis ŝin por la unua fojo de post la forrifuzo. Li petis la leterojn, rigardante ŝin severe, amare.

»Komence ŝi respondis kun indiferento, ke li povas ilin havi, kaj prenis ilin el skribotablo. Tiam, ekvidante ion sur la koverto de la kolekto, ŝi subite ŝanĝis la intencon, informis lin, ke lia peto estis tiu de stultulo, kaj ĵetetis la leterojn en kudrajujon de la onklino, kiu staris senferme sur la tablo. Ŝi ŝlosis ĝin, dirante kun petola rideto, ke kompreneble ŝi tenos ilin, ĉar ili povos esti uzataj kiel atesto pri ŝia prudento en tio, ke ŝi malakceptis lin. Li ekflamiĝis: Donu al mi tiujn leterojn. Ili estas mia propraĵo. — Ne, ŝi respondis, ili estas miaj. Negrave al kiu ili apartenas, li rebatis, mi ne volas stari kiel mokato pro mia skribmaniero. Vi nun havas alian amkonaton. Li posedas vian konfidon, kaj ĉiajn rakontaĉojn vi verŝas en liajn orelojn. Vi montros ilin al li. — Eble jes, konsentis grandfraŭlino Harriet flegme, laŭ sia ŝtonkora naturo. Ŝia maniero tiel kolerigis lin, ke li fluge paŝis al la kudraĵujo, sed, ekpreninte ĝin save, ŝi ŝlosis ĝin en la skribmeblon kaj triumfe lin frontis. Momente ŝajnis, ke li ŝiros la ŝlosilon el ŝia mano, sed, haltinte, li sin turnis sur la kalkano kaj foriris.

»Sola, en la nokta plenaero, li dise paŝis sen celo, kun dolorega sento esti plene venkita de ŝi en ĉiuj punktoj. Antaŭ liaj internaj okuloj konstante turmentis lin la vido, ke ŝi rakontadas al la nova amanto aŭ al siaj konatoj ĉion pri la ĵusa sceno kaj ridas kun ili super tiuj mizeraj, inkmakulitaj, aĉkonturaj linioj, kiujn li tiel brulis posedi. Dum la nokto profundiĝis, li proksimiĝis al firma intenco rehavi ilin je ĉia kosto kio ajn okazos.

»En densa mallumo li eliris el la domo de sia patrino, per la malantaŭa pordo, kaj, rampinte tra la ĝardenheĝo, iris laŭ la kampo flanke de ĝi, ĝis li atingis la postan parton de la loĝejo de ŝia onklino. La lunlumo brile blankigis la murojn, kaj ĉiu glata folio de la grimpoplantoj aspektis kiel eta spegulo en la radioj. Pro longa konanteco, Jack familiaris kun la aranĝo kaj pozicio de ĉiu objekto en la domo de s-ino Palmley, sambone kiel en la propra. La malantaŭa fenestro antaŭ li, unu el la du donantaj lumon al la ĉefa sidĉambro, estis farita el negrandaj plumbokadraj kvadratoj. La alia estis fermita per lignaj kovriloj, sed tiu, antaŭ kiu li staris, ne havis eĉ rulkurtenon, kaj ĉiun meblon la lunlumo montris al li. Dekstre la fajrujo; maldekstre la skribotablo. En ĉi tiu kuŝis la kudrajujo (liasupoze de Harriet, sed vere de s-ino Palmley), kaj en ĝi la leteroj. Elpoŝiĝinte trančilon, li senbrue forpikis la plumbon de unu vitro, tiel, ke li povis eltiri

## Poemoj de A. S. Puŝkin

El la rusa: *Leo Belmont.*

### AL ŜI

Mi amis vin . . . Kaj eble mia amo
Ne tute estingiĝis en la kor' . . .
Sed tremu vin ne tuŝu ĝia flamo,
Kaj movu vin nenia kundolor' . . .

Mi amis vin senvorte, senespere,
Kaŝinte, ke envi' turmentas min,
Mi amis vin silente kaj sincere . . .
Ho, Di'! . . . alia tiel amu vin! —

•

Ekdormigis min
Viaj dolĉaj benoj,
Enterigis min
Viaj ĉirkaŭprenoj . . .
Kaj ekvekis min
Kis' ĉe matenstelo . . .
Memorigis vin
Sonĝo pri ĉielo . . .

la kvadraton. Tion farinte, li enŝovis la manon, malfiksis la fenestron kaj engrimpis.

»Ĉiuj domanoj, tio estas: s-ino Palmley, Harriet kaj la servistineto, dormis. Jack paŝis rekte al la skribotablo, esperante, ke Harriet lasis ĝin neŝlosita, sed verdire ŝi ne estis tuŝinta la ŝlositan ujon de post la lasta renkonto. Jack diris poste, kiel amare li pensis pri ŝi dormante tie supre, indiferenta al li, kaj la mokoj kontraŭ li, kaj liaj skriboj. Jam tiom aginta, li ne plu hezitis, sed, puŝinte la dikan klingon sub la fermoplaton de la meblo, li rompis la nefortan seruron. Ene sidis la rozligna kudraĵujo sampozicie kiel ŝi enmetis ĝin en la febra ekscito de ilia disputo. Ĉar mankis tempo por preni el ĝi la leterojn, li ŝovis la tuton subbraken, fermis la skribmeblon, kaj grimpis el la domo, riglinte la fenestron post si kaj remetinte la vitron ĝustaloken.

»Li atingis la patrinan domon revene laŭ la sama vojo, kaj, morte laca, enlitiĝis, kaŝinte la kudraĵujon, ĝis li povos detrui ĝian enhavon. Frumatene li tiel ekagis, portante ĝin al la kampĉarremizo post la domo. Tie, apud la fajrujo, li malfermis la skatolon kaj komencis bruligi unu post la alia la leterojn, kiuj kostis al li tiom da laboro de skribo, tiom da honto de pripensado. Li intencis ripari la skatolon kaj poste resendi ĝin al Harriet kun skribeto, la lasta, kiun ŝi iam ricevos de li, informanta ŝin triumfe, ke rifuzante redoni lian propraĵon, ŝi ege miskalkulis pri lia volo submetiĝi al ŝiaj kapricoj.

»Sed elpreninte la lastan leteron el la skatolo, li ricevis fortan baton, ĉar sur la fundo kuŝis moneroj — oraj gineoj! »Sendube ŝparaĵo de Harriet, li al si diris. Sed en tio li eraris: ĝi apartenis al s-ino Palmley. Antaŭ ol li mense ekvilibriĝis, li aŭdis paŝojn veni laŭ la koridoro liadirekte. Rapide li forŝovis la skatolon sub iom da brulmaterialo, sed jam la venintoj rimarkis tion. Du policanoj mankaptis lin, dum li genuis antaŭ la fajrujo, prenis la skatolon kaj ĉion en ĝi per unu bato. Ili venis por aresti lin, kulpan pri ŝtelo ĉe s-ino Palmley la antaŭan nokton. Apenaŭ la junulo sciis pro kio, jen ili kondukis lin laŭ la strateto, kiu renkontas la impostvojon fine de la vilaĝo. De tie ili marŝigis lin al la karcero de Casterbridge.[1])

La ago de Jack estis nokta domrabo, sed antaŭ sia aresto, li neniel rigardis ĝin en tiu lumo. Tia krimo estis en tiu tempo punenda per morto.[2]) Iu estis vidinta lian figuron kontraŭ la luneblanka muro dum li foriris de la posta fenestro de s-ino Palmley, kaj la skatolon kun mono ili trovis en lia posedo. Krome, la atesto de la rompita seruro kaj perfortita fenestrovitro parolis kondamne. Ĉu lia protesto, ke li enrompis nur por preni leterojn maljuste retenatajn de ŝi, estus lin savinta aŭ ne, se ĝi estus subtenata de alia atestaĵo, mi ne scias; sed la sola homo en la mondo, kiu povis ĝin doni, estis Harriet, kiu agadis rigide sub la gvido de la onklino. Ĉi lasta morte malamis Jack-on, kaj jen ŝia venĝohoro sonis. Jam venis la longe sopirata okazo, en kiu ŝi povos direkti frakasan baton kontraŭ tiu virino, kiu unue rabis for ŝian amanton, poste frenezigis en pereon la filon-kortrezoron.

»Alproksimiĝis la asiztago, en kiu Jack devis stari en akuzitejo. Harriet prenis nenian parton en la juĝprocedo, kiu do sekvis la kutiman vojon: S-ino Palmley priatestis la simplajn faktojn de la enrompo. Ĉu Harriet estus defendinta Jack-on, se tiu ĉi petus ŝin, neniu scias: eble ŝi estus tion farinta pro simpla kompato. Sed Jack tro dignis ol ke li preĝaĉu eĉ pri favoreto de knabino forjetinta lin el amanteco, kaj do li lasis ŝin resti silenta. La juĝo daŭris mallonge; la leĝo postulis mortverdikton.

»La tago, kiu vidis la ekzekuton, estis malvarma polve-venta sabato en Marto. Jack estis tiel knabeca kaj beltalia, ke ili devis, pro indulgo, pendigi lin en la plej pezaj katenoj de la karcero, timante ke sen ili lia malpeza korpo ne certigos rompon de la kolo. Ili tial ŝarĝis lin per tiom da feraĵo, ke li preskaŭ ne povis sin treni al la eŝafodo. En tiu tempo, la registaro indiferentis pri la krimulaj kadavroj, kiujn nun oni devas enŝoveli en karceran teron, do pro la fervora peto de la kompatinda patrino oni portis lian korpon al ŝia hejmo. La tuta paroĥo tiuvespere atendis ĉe la pordoj ĝian alvenon. Mi rememoras, ke mi staris kiel infanino ĉe la flanko de mia patrino. Ĉirkaŭ la oka, dum ni aŭskultis sur niaj sojloj en la malvarma brila stellumo, ni povis aŭdi la foran rulbruon de ĉaro direkte de la imposta vojo. La sono mortiĝadis ĝis neaŭdeblo, dum la ĉaro krake ruliĝis en valon, poste reestiĝis, dum ĝi peze grimpis supren al ni, ĝis fine ĝi eniris en Longpuddle.

»La ĉerkon oni metis en la sonorilejon por la nokto kaj la sekvantan tagon, dimanĉon, ni lin enterigis. Iu predikis funebran parolon pri la temverso: — Jen oni elportis mortinton, la solan filon de lia patrino kaj ŝi estis vidvino.[3]) Jes, tio estis kruela tempo.

»Pri Harriet. Post iom ŝi kaj la amanto geedziĝis, sed laŭdire feliĉo ne tre benis ilian vivon. La paro trovis la vilaĝon Longpuddle neagrabla ĉirkaŭo pro ilia rilato kun la kompatinda Jack. Ili do transloĝiĝis en malproksiman urbon, kaj pri ili neniu plu aŭdis. S-ino Palmley trovis bona iri al ili post ne longe.

»La malhelokula, osteca maljunulino, kiun vi konis, estis la s-ino Winter de ĉi rakonto, kaj mi bone rememoras, kiel solece ŝi vivis, kun kia timo la infanoj kaŝrigardis ŝin, kaj kiel ŝi tenis sin homevite, kvazaŭ fremdulo, malgraŭ ke ŝi vivis tre-tre longe.«

El la angla: *R. Banham.*

[1]) Casterbridge estas la fiktiva nomo, kiun Hardy donis en siaj verkoj al Dorchester, ĉefurbo de grafl. Dorset.

[2]) Iam ekzistis en Anglujo 160 krimoj punendaj per morto.

[3]) Luko 7/12.



Rembrandt — La nokta gardistaro

# *Henrik Ibsen: Terje Viken*[1])

*El la norvega: Erling Haugen*

1 Loĝis grizbarba, stranga kompan'[2]),
plejekstreme sur l' insularo; —
ne faris li ĝenon al iu baptan',
nek sur la ter', nek sur maro;
sed fajris kelkfoje el lia okul',
kiam vokis lin storm' malproksime;
oni tiam kredis lin frenezul',
kaj tenis malmultaj sin, laŭ regul',
ĉe Terje Viken sentime.

2 Poste nur foje lin vidis mi:
li vendis fiŝojn ĉe l' kajo;
prujnblankis, sed kantis, ridis li
kun freŝa, juneca gajo;
knabinojn vortpinĉis li kun humor',
li ŝercis kun infanrondo;
li svingis la ĉapon kun ĝoja kor',
li hisis la velon, kaj hejmen, for
veturis sur brila ondo.

3 Rakontu mi, kion mi aŭdis pri
la vivo de Terje sur tero;
kaj eĉ se nur tedus vin ĉio ĉi,
ja tamen ĝi estas vero.
Mi ĝin scias ne ĝuste laŭ lia prezent',
sed laŭ lia proksima rondo,
kiu estis, ĉe lia lasta moment',
apude, kiam kun paca sent',
li forspiris el tiu ĉi mondo.

4 Junaĝe li estis sovaĝa bub',
foriris de l' hejm' tre frue,
kaj plej-junulo sur ŝip,' sen dub',
li spertis toleri senbrue.
Li poste forkuris en Amsterdam',
sed kaptis lin hejm-sopiro;
li revenis per ŝip' de ŝipestro Pram,
sed hejme neniu lin konis jam;
li estis ja knab' ĉe l' foriro.

5 Kaj granda kaj bela li estis nun,
belvesta, kun forta muskolo.
Sed mortis jam patro, patrino, kun
la parencoj: li restis en solo.
Malĝojis Terje dum tag', aŭ du; —
sed foriĝis la kor-amaro:
Sur ter' li kvieton ne trovos plu,
ne, do pli bona la vivo-flu'
sur vasta ondanta maro.

6 Edziĝis Terje post unu jar'.
Nu, tio tre urĝe venis...
Oni diris, li pentis pri tiu far',
kiu iel lin ja katenis.
Nun vivis li hejme dum vintro en
feliĉo kaj hejm-kvieto,
fenestroj brilis kun taga seren',
ĉe potfloraro kaj blanka kurten',
en la ruĝkolora dometo.

7 Kiam rompis glacion degel-veter'
sur brigo li trovis okupon;
aŭtune, dum flugis al sud' l' anser,'
li survoje renkontis la trupon.
Ekfrapis lin sento de kvazaŭ mizer',
kaj tamen juneca beno.
Li venis de bordoj de sun', de somer',
el mondo de vervo kaj de liber',
atendis lin vintra peno.

8 Li ankris; kaj al diboĉ' kaj plezur'
kamaradoj sin preparis.
Sed postrigardante, mute sur
la grundo de l' hejm' li staris.
Li rigardetis tra la kurten':
jen — du en la ĉambro estis; —
l' edzino, kviete kun boben',
sed freŝa, ruĝvanga, rida jen
en lulil' — etulino nestis.

9 Oni diris, ke Terje de tiu hor'
de nova konscio brulis:
Li pene laboris, kaj kun fervor'
l' infanon en dormon lulis.
Dimanĉ-vespere, dum sonis dancbru'
sovaĝe de la najbaro,
plejgaje kantetis li, sen enu',
kun eta Anjo sur la genu',
tiranta lin ĉe l' hararo.

10 Sed proksimiĝis, kun la milit',
la mil-okcent-naŭa jaro.[3])
Ankoraŭ rakontas famo kaj mit'
mizerojn de l' regnanaro.
La havenojn gardadis la angla okul',
en la land' estis misrikolto.
Malsatis malriĉa, malhavis riĉul',
utilis du brakoj ne pli ol nul',
atendis malsan' kaj morto.

11 Malĝojis Terje dum tag', aŭ du,
sed foriĝis la kor-amaro:
fidela amiko lin logis plu:
la vasta ondanta maro.
Vivadas ankoraŭ la famo pri
la heroa faro bravula:
»Jen kiam la vento malkreskis pli,
por edzino, infano, ekremis li
en barko tra l' maro nebula.

12 Do, li elektis por la vetur'
boaton la plej malvastan,
kaj ĝin li uzis, por plia sekur',
senvelan kaj eĉ senmastan.
Li pensis: ne estas la ĉefa bar'
la ondoj en kontraŭtreno;
Danĝera estas la Jita Rifar'[4])
sed ja pli la angla »Man of war«[5])
kun agl-okul' de l' posteno.

13 Nun donis li sin al la vol' de l' sort',
ŝtalmane ekremis la barkon.
Al Fladstrand'[6]) li venis en bona ord',
kaj enŝarĝis la karan kargon —.
Ne estis ja granda la tuta afer':
tri bareloj da gren' por pano; —
sed Terje venis de magra ter',
surŝipe jam estis la vivprosper'
por lia edzin' kaj infano.

14 Al benko kaj pen 'li ligiĝis nun
dum tagoj kaj noktoj tri.
Je l kvara maten', ĉe leviĝ' de l' sun',
aperis nebula stri'.
Ne estis kurantaj nubaroj plu,
sed pinta montar' el roko;
kaj jen leviĝis, en alta situ',
Imenes-selo[7]), kun vast' kaj blu'.
Konata jam estis la loko. —

15 Proksima la hejm'. — Li eltenos por
tempeto, ja malgraŭ ĉio.
Sin levis en kredo kaj fid' lia kor',
li preskaŭ ekpreĝis al Dio.
Sed — kvazaŭ ekfrostis la vort' jam en pret',
li observis — ne estis eraro.
Nebulo leviĝis, kaj jen, siluet'
aperis, en Hesnes-sund'[8] de korvet'
kun haltige turnita velaro.

16 Li estis vidita; alarmis posten'.
oni baris la sundon. Sed vento
sunira[9] blovetis en la maten',
ekfuĝis li al okcidento.
Jen malleviĝis de la korvet'
barket kun marista bando.
Kun streĉaj piedoj al funda bret',
li remis, ke ŝaŭmis sub la boatet,
kaj ŝprucis sang de l' ungrando.

17 Gjeslingen[10] ie nomiĝas rifar',
oriente de Hombor-sundo.
Tie tondras sovaĝe en ŝtorm' la mar',
sub futoj du estas fundo.
Jen ŝprucas blanke, jen saltas ŝaŭmbril'
eĉ se estas kvieta la maro;
ruliĝas eĉ hulo[11]) de montsimil',
interne regas plejofte trankvil'
kun ŝaŭmo sur ondetaro'.

18 Jen tien li remis en akra ark',
kiel sag inter ondoj krutaj.
Sed post lin flugis tien la bark',
kun la dekkvin, la persekutaj.
Tiam kriis Terje en sia mizer
al Dio tra l' ond' muĝanta:
»Interne sur bordo nun en sufer'
edzino atendas kun nura esper'
pri pan' al infan' malgranda.«

19 Sed kriis plilaŭte la dekkvin des:
ree tag' el la malfeliĉegaj.
Ja sekvas la anglon ĉiam sukces'
dum rab' en insuloj norvegaj.
Kiam Terje puŝiĝis al rifa marĝen',
la barketon ektuŝis la grundo;
aŭdiĝis »haltu« de ĝia steven',
svingiĝis remilo, per firma ten',
al la boateta fundo.

20 Ekkrevis krake la fund', kaj ve,
la akvo enŝprucis tra l' spino.
du futojn subiĝis jen lia horde',
sed ne dronis lia obstino.
Li batis sin tra la armitaj dek kvin,
kaj saltis de la boatrando.
Jen subakve li naĝis, jen supre, sed lin
ja sekvis la bark', kien turnis li sin,
aŭdiĝis pafado, komando.

21 Sur ŝip', post alporto de la kaptit',
ektondris la venksaluto.
Jen staris la ĉef,' dekokjara, kun spit'
fiera, sur la kajuto.
Li brave paradis — lin gloros fam' —
jen lia batal' unua!
Sed Terje ne sciis rimedon jam,
kun peto kaj ploro, sub honto-flam',
li falis al plank', surgenua —.

22 Ili pagis la larmojn al li per rid',
uzuris per mok' por peto.
Navigis la angla hero' en rapid'
okcidenten kun sia korveto.
Silentis nun Terje, de tiu moment'
la malĝojon li mute kovis.
Kaj ili rimarkis kun mir-atent',
ke kvazaŭ ion al li la vent'
de l' nuba fruntark' forblovis.

23 Li sidis prizone dum jar' post jar',
oni diras, dum plena kvino,
kurbiĝis la nuko, griziĝis la har'
pro revad' pri l' infano, edzino.
Silente okupis lin sento de kar',
kvazaŭ sola objekt' de ŝato. — — —
Jen venis la tago de l' pac-deklar',[12])
kaj, li, kun norvega kaptitar',
iris hejmen per sveda fregato.

24 Hejme ĉe l' kajo akceptis lin
la reĝa pilot-rajtigilo.
Sed nur malmultaj konjektis lin
en la kurba, grizbarba viro.
Al fremdul' apartenis la dom' kaj kort'
pri la siaj li aŭdi devis:
»Foriris la edz', elĉerpiĝis la fort'
pro manko de pan', kaj ili, post mort', —
komunan tombon ricevis — — —.

25 La jaroj pasis, sur la insul',
li praktikis en sia faro
Ne faris li ĝenon al iu kunul',
nek sur la ter', nek sur maro.
Sed fajris kelkfoje el lia okul',
kiam vokis lin ŝtorm' malproksime.
Oni tiam kredis lin frenezul,'
kaj tenis malmultaj sin, laŭ regul',
ĉe Terje Viken sentime.

26 En luna vesper' kun demara venteg'
vigliĝis pilotoj subite.
Jen angla jaĥto drivis sen reg'
kun veloj flagrantaj ŝirite.
Elkriis danĝeron, jen, en silent',
la ruĝa flago top-maste.
Sed de l' nuda insulo, en tiu moment',
barketo sin ŝovis tra ond' kaj vent', —
— surgrimpis pilot' elaste.

27 Tiel firme li kaptis, la grizbarbul',
la radon, kiel giganto.
La jaĥto obeis, kaj for de l' insul'
turniĝis sub la direktanto.
La lord', kun edzino, infano, per
ŝatuto esprimis dankadon:
»Ja trafos vin riĉ', kiom nun mizer',
se save vi gvidos el ĉi infer'.«
Sed — responde — li lasis la radon.

28 Lia vango blankiĝis, kai ĉirkaŭ buŝ'
trarompis triumf' ekride.
Sin turnis la jaĥto, kaj kun ekpuŝ'
ĝi haltis sur rif' rigide.
»Ĉi spitis la gvidon! Hoj, al boat'!
Mylord kaj Mylady[13]) rapidu.
La ŝip' frakasiĝos sub ondo-bat'.
Sed estas interne trankvila glat',
sekure mi tien gvidu.«

29 Jen flugis en brulo de fosforesk'[14])
al bordo la ŝarĝ' valora.
La piloto, kun alta, fortika kresk',
kun fiksa rigard' trabora,
ekĵetis okulon al Gjeslingen,
kaj poste al Hesnes-sundo.
Jen, post eklaso de l' vel-rimen'
li svingis remilon, per firma ten',
al la boateta fundo.

# Nefinita rakonto

— O. Henry —

Ni ne plu ĝemas kaj ŝutas cindron sur nian kapon, kiam oni mencias la flamojn de Tofeto.[1] Ĉar eĉ la predikantoj nun diradas al ni, ke Dio estas radiumo aŭ etero aŭ ia scienca kombinaĵo, kaj ni malpiuloj povas atendi nenion pli teruran ol kemian reakcion. Ĉi tiu hipotezo estas plaĉa, sed ankoraŭ restadas io el la malnova ortodoksa, sed tamen bela teruraĵo.

Ekzistas nur du temoj, pri kiuj oni povas paroli kun libera imago kaj sen timo de ebla refuto. Oni povas paroli pri siaj sonĝoj kaj oni povas ripetadi, kion oni aŭdis de papago. Morfeo kaj la birdo, ambaŭ estas malkompetentaj atestantoj — tial nia aŭskultantaro ne kuraĝos ataki nian rakonton. Do, anstataŭ dependi de la pli limigita kampo — la beleta parolo de papago — la temon (kiun mi elektis kun esprimo de bedaŭro) liveros la senbaza strukturo de mia vizio.

Mia sonĝo estas tiel malproksima de la alta kritiko, ke ĝi koncernas la antikvan respektindan kaj priplorindan teorion pri postmorta juĝado.

Gabrielo ektrumpetis kaj ni estis vokitaj en la juĝejon. Anĝelo-policano flugis al mi kaj ektuŝis mian maldekstran flugilon. Apud mi staris aro da prosperaspektaj spiritoj, kiuj atendis juĝadon.

»Ĉu vi apartenas al tiu ĉi grupo?« la policano demandis.

»Kiuj estas ili?« estis mia demando.

»Nu, li komencis, ili estas...«

Sed tiu ĉi senrilata materialo forprenas spacon, kiun la rakonto devus okupi.

*Dulcie* laboris en ĉiohava magazeno. Ŝi vendadis hamburgajn borderaĵojn, aŭ farĉitajn paprikaĵojn, aŭ aŭtomobilojn aŭ aliajn brelokojn, kiajn oni tenas en fakmagazenoj. El tio, kion ŝi prilaboris, ŝi ricevis ses dolarojn semajne. La reston oni kreditis al ŝi en la ĉeflibro, kiu estis tenata de G... Ho, origina energio, vi diras, respektinda doktoro, nu do, en la ĉeflibro de origina energio.

Dum la unua jaro en la magazeno, *Dulcie* ricevis kvin dolarojn semajne. Estus interese scii, kiel ŝi vivis per tiu sumo. Ĉu tio ne interesas vin? Tre bone; eble vi interesiĝas pri pli grandaj sumoj. Ses dolaroj estas

[1] Loko kuŝanta sudoriente de Jerusalemo, en la valo de *Hinnom*. Ŝajnas ke ĝi unue estis parto de reĝaj ĝardenoj, sed poste estis malpurigita per la oferoj de *Baal* kaj la bruligoj de Moloĥ. Ĝi sonoris per la kriegoj de brulantaj infanoj. (2 Reĝoj XXIII. 10.) (trad.)

---

30 Enŝprucis la akvo kun ŝaŭm' kaj krak',  
estiĝis sovaĝa batalo.  
Sed la patrino altlevis sur brak'  
la filinon kun morto-palo.  
»Ho Anjo!« — ekkriis ŝi sen konsil';  
Tiam tremis la grizbarbulo,  
li kaptis al velo kaj al direktil',  
kaj jen — la boato kun bird-simil'  
ekflugis tra l' ŝaŭma brulo.

31 Puŝiĝis ĝi, dronis. Sed estis kviet'  
interne de l' ringa ondbruo,  
kaj jen — ili staris, en la boatet',  
sub akvo jam ĝis genuo.  
Tiam kriis la lordo: »La fundo tre  
ŝanceliĝas: ne rif' sendube!«  
La piloto ridetis: »Ne timu, ja ne!  
Boatet' kun bareloj tri da horde'  
ja estas la rif' ĉi-sube!«

32 Trakuris duonforgesita memor'  
la lordon, kvazaŭ fulm-jeto.  
Li rekonis lin, kiu kuŝis kun plor'  
genue sur la korveto.  
Ekkriis nun Terje: Ĉion — por glor' —  
vi rabis el mia mano.  
Momento — kaj venos venĝ' pro l' dolor'...«  
Jen — petis genue la angla sinjor'  
al norvega pilot' pri humano.

33 Sed Terje staris ĉe la remil'  
kun junula sinten' kaj povo.  
L' okuloj brulis en akra bril',  
flirtigis la harojn ventblovo:  
»*Vi* veturis sur granda korvet' en komfort',  
*mi* remis nur en barketo;  
*mi* penis por miaj, laca ĝis mort',  
*vi* prenis la panon, kun moka vort'  
vi ridis je l' plor' kaj peto.

34 *Via* lady similas al printemp-flor',  
al silk' ŝia man' gracia.  
*Mian* edzinon krudigis labor',  
Sed tamen, — ŝi estis mia.  
*Via* infano kun haroj el or',  
kvazaŭ vera anĝel' feliĉa.  
Al *mia* filin' ne konvenis honor',  
malgrasa kaj griza, — laŭ sorto por  
l' infanoj de l' hom' malriĉa.

35 Jen, mia tuta surtera trezor',  
mia ĉio sub la ĉielo;  
ĝi ŝajnis al mi tiom granda valor',  
sed estis por vi bagatelo.  
Nun batas la horo de l' venĝo, ĉar  
vi provos, dum temp' minuta,  
suferojn miajn dum jar' post jar',  
dum kurbiĝis la nuko, griziĝis la har'  
kaj rompiĝis feliĉ' mia tuta.«

36 L' infanon li kaptis kaj svingis por jet',  
prematan de l' lady al sino.  
»Returne, Mylord! Nur unu paŝet',  
kaj perdiĝos infano, edzino!«  
Por salto stariĝis la brit', sed jen  
lian manon katenis senpovo:  
l' okuloj cedis, li spiris kun pen',  
la harar' — oni vidis ĉe lum' de l' maten' —  
griziĝis de l' nokta elprovo.

*Rimarkoj:* 1) Prononcu: *Therje Vikhen.* 2) Kunulo. 3) La milito inter Napoleono kaj Anglujo, en kiun deviĝis Danujo-Norvegujo. La angloj Norvegujon izolis de Danujo kun la intenco malfortigi Norvegujon, kiu dependis de importado de nutraĵoj el Danujo: tiom pli tiun jaron, kiam »en la land' estis misrikolto«. 4) Rifaro, norde de Skagen en Danujo. 5) Parolu: manovar, populara esprimo en Norvegujo pri la anglaj militŝipoj. 6) Par.: Fladstrand. Havenurbo ĉe l' orienta bordo de Jylland, iom sude de Skagen. Nomiĝas nun Fredrikshavn. 7) *Imenes-selo:* bone konata mar-signo, alta monto duonan mejlon de urbo *Grimstad.* La formo de la monto multe similas al selo. 8) Par.: *Hesnes-sundo* aŭ *Hesnes-sund'.* Hesnes estas apud urbo Grimstad. 9) Rekte tradukita

pli granda sumo. Mi diros al vi, kiel ŝi vivis per ses dolaroj semajne.

Iun posttagmezon, je la sesa, kiam *Dulcie* enigis sian ĉapel-pinglon okonon de colo for de sia *medulla oblongata*, ŝi diris al sia kunulino *Sadie:*

»Ho, *Sadie,* mi akceptis inviton por manĝo hodiaŭ vespere kun ,Porkido'.«

»Ne povas esti!« ekkriis *Sadie* kun admiro. »Nu, ĉu vi ne estas feliĉulino? ,Porkido' estas elspezulo; li ĉiam kondukas knabinon al altprezaj lokoj. Li kondukis *Blanche* al la *Hoffman House* iun vesperon, kie ludas grandioza orkestro, kaj kie oni renkontas multajn distingulojn. Vi ĝuos bonan vesperon, *Dulcie.*«

*Dulcie* rapidis hejmen. Ŝiaj okuloj brilis, kaj ŝiaj vangoj montris la delikatan rozkoloron de vivo — efektiva vivo — proksimiĝanta tagiĝo. Estis vendredo kaj ŝi ankoraŭ havis 5o cendojn el sia lastsemajna salajro.

La stratoj estis plenplenaj per la popolamasa fluego. La elektraj lumoj de *Broŭdŭej* ardis, vokante nokt-papiliojn de malproksimo, de la vasta malproksimo el la ĉirkaŭaĵa mallumo, por ke ili venu kaj partoprenu en la ekbrul-lernejo. Viroj en konvenaj vestoj, kun vizaĝoj, kiujn kvazaŭ skulptis sur ĉeriz-kernoj la maljuniĝintaj maristoj en siaj restadejoj, turniĝadis kaj rigardegadis nian *Dulcie* dum ŝi senatente preterpasis. Manhatano, la nokte-floranta cereo[2]) jam disfaldis siajn mort-blankajn, ege adorantajn petalojn.

*Dulcie* eniris butikon, kie la ŝtofo estas malkara, kaj ŝi aĉetis kolumon el imitita punto per siaj 5o cendoj. Tiu mono estis alimaniere elspezota — dek kvin cendoj por vespermanĝo, dek cendoj por matenmanĝo kaj dek cendoj por tagmeza manĝeto. Alia dekcendo estis donota por ŝia eta ŝparujo kaj 5 cendoj estis malŝparege elspezotaj por gliciriz-bombonoj — tiuspecaj, kiuj aspektigas la vangojn, kvazaŭ oni havus dentdoloron kaj kiuj daŭras tiom longe kiom dentdoloro. La gliciriz-bombonoj estas trooco — preskaŭ orgio — sed kia estus la vivo sen plezuroj?

*Dulcie* loĝis en meblita ĉambro. Estas diferenco inter meblita ĉambro kaj pensiono. Se oni loĝas en meblita ĉambro, aliaj personoj ne scias, ke oni malsategas.

*Dulcie* supreniris al sia ĉambro — en la tria etaĝo malantaŭe en la okcidenta flanko de l' urbo. Ŝi lumigis la gason. Scienculoj informas nin, ke diamanto estas la plej malmola el la konataj substancoj. Ili eraras. Dommastrinoj scias pri miksaĵo, kompare

[2]) *Cereus grandiflorus,* el la latina. Ĝi estas kulturata precipe pro siaj belaj, mallonge vivantaj floroj. En ŝtatoj Nov-Meksikio kaj Teksaso la trajtoj de la nokte-florantaj cereoj estas okulfrapantaj. (trad.)

---

37 Sed Terje-n reregis paca trankvil',
moviĝis la brust' en kvieto.
L' infanon delasis li kun humil',
kaj kisis sur ĝia maneto.
Li spiris kvazaŭ libera de prem',
parolis milde, senfebre:
»Nun estas Terje denove si mem,
mia sango torentis kun bol' ĝis ekstrem',
ĉar — venĝi mi devis nepre.

38 La naŭza kvinjara prizon-sufer'
mian koron vunde turmentis.
Jen kuŝis mi kvazaŭ la pajl' sur ter',
jen min en abismo sentis.
Sed tio jam pasis, ni estas en kvit',
ne trompis ŝuldanto via.
Ĉion mi donis, vi prenis brit',
postulu, — se kredas vi vin trompit' —
de Di', kiu kreis min tia.«

39 Tagiĝe jam estis ĉiuj sur ter',
kaj kuŝis la jaht' en sekuro.
Ili mutis prefere pri l' nokta afer',
sed famiĝis la aventuro.
La nigrajn nubojn de lia anim'
forbalais ŝtorm-nokta tempeto.
Rektiĝis denove, jam sen deprim',
la nuk' kurbiĝinta, dum sur pavim'
li genuis en la korveto.

40 La lordo venis, Mylady kun li,
kaj krome tuta taĉmento,
por diri »Adiaŭ« kaj »Pacon de Di'!«
al lia malriĉa tegmento.
Ili dankis por savo el certa fin',
el rifoj kaj uragano.
Sed Terje ridetis al la knabin':
»Ne, kiu el morto elsavis vin,
estis tamen ĉi eta infano.«

41 Turniĝis la jahto al Hesnes-sund'.
Jen hisis ĝi flagon norvegan.
Kie blanke ŝaŭmas la malprofund'
ĝi sendis dank-salvon egan.
Trembrilis larmo de Terje; en pens'
li rigardis de l' monta flanko:
»Grande mi perdis, sed grandis kompens',
eble zorgis plejbone la alta potenc',
do, Di' al vi estu danko.«

42 Tia nur foje lin vidis mi,
li vendis fiŝojn ĉe l' kajo.
Prujnblankis, sed kantis, ridis li
kun freŝa juneca gajo.
Knabinojn vortpinĉis li kun humor',
li ŝercis kun infan-rondo.
Li svingis la ĉapon kun ĝoja kor'
li hisis la velon, kaj hejmen for'
veturis sur brila ondo.

43 Mi vidis tombon ĉe Fjaere-preĝej'[15])
ĝi kuŝis en venta angulo,
malalta, lasata sen zorg' al pere', —
sed mi legis sur nigra tabulo:
THAERIE WIGHEN, blankskribe, kun
cifero de l' morto-jaro. —
Li metiĝis por vento kaj brul' de l' sun',
do hirtas la herbo, sed brilas dum
somero sovaĝ-floraro.

fakesprimo: Vento, en bona vetero, kiu ĉiam blovas de la suno. Matene orienta, tagmeza suda kaj vespere okcidenta. [10]) *Jeslingen:* Rifoj apud la insulo Gasa (Gosa), 6 kilometrojn sud-oriente de urbo Lillesand; »oriente de Hombor-sundo«, ne estas juste, ili kuŝas sudokcidente de Hombor-sundo, oriente de urbo Lillesand. [11]) Mara ondmovo, ne kreita de l' vento. [12]) La pacdeklaro en kiel en jaro 1814. [13]) Angle, pr.: majlord kaj majlejdi. Alparolo al Lordo kaj lia edzino. [14]) (Mar)-fosforesko estas fenomeno, kiu fariĝas tiel, ke diversaj organismoj en la mar-akvo, per incito, kirlado aŭ simileiĝas lumi. Kompreneble, tio estas videbla nur en mallumo. [15]) Pr.: Fjaere, komunumo ekster urbo Grimstad.

*La tradukinto.*

al kiu diamanto estas kvazaŭ mastiko. Ili enigas ĝin en la pintotruojn de gas-flamingoj, kaj oni povas stari sur seĝo kaj penadi ĝin eligi, ĝis la fingroj rozkoloriĝas kaj kontuziĝas. Haropinglo ne eligus ĝin, tial ni nomu ĝin nemoveblaĵo.

Mi ripetu ke *Dulcie* lumigis la gason. En ĝia kvaron-kandel-pova ardo ni esp'oru la ĉambron. Kanap-forma lito, tualetujo, tablo, lavtablo, seĝo — pro ili estis kulpa la dommastrino. La cetero apartenis al Dulcie. Sur la tualetujo star's ŝiaj trezoraĵoj — orumita ĉina vazo, kiun Sadie al ŝi donacis, kalendaro eldonita de peklaĵ-fabriko, libro temanta pri sonĝ-divenado, iom da riz-pudro en glasa plado kaj amaso da artefaritaj ĉerizoj kunligitaj per rozkolora rubando.

Kontraŭ la sulkeca spegulo staris bildoj de generalo Kiĉener, Vilhelmo Muldoon[3]) kaj Benvenuto Cellini. Kontraŭ unu muro staris gipsa plako de ia O' Callahan[4]), kiu portis romanan kaskon. Proksime al ĝi pendis oleolitografo montranta citron-koloran infanon, kiu atakas papilion. Ĉio ĉi estis la fina artjuĝo de *Dulcie*. Ŝian ripozon neniam ĝenis la flustroj de antaŭjuĝaj artopinioj; neniu kritikisto levis siajn brovojn ĉe ekvido de ŝia infana entomologio.

Ŝi atendas »Porkidon« je la sepa. Dum ŝi rapide sin pretigas, ni diskrete flanken-turnu niajn vizaĝojn kaj klaĉu.

Por la ĉambro *Dulcie* pagis du dolarojn semajne. En ordinaraj tagoj ŝia matenmanĝo kostis al ŝi dek cendojn; ŝi boligis kafon kaj kuiris ovon super la gaslumo, dum ŝi sin vestis. Dimanĉ-matene ŝi sin reĝe regalis per bovid-kotletoj kaj ananas-benjetoj ĉe »Billy«-restoracio, por la prezo de 25 cendoj, kaj ŝi trinkmonis la kelneron per dek cendoj. Nov-Jorko prezentas tiom da tentoj al malŝparemo! Ŝi manĝis siajn lunĉojn en la fak-magazeno, kio kostis al ŝi 60 cendojn semajne; tagmanĝoj kostis Dol. 1.05. La vesperaj gazetoj — montru al mi novjorkan(in)on, kiu vivas sen siaj ĉiutagaj gazetoj — kostis ses cendojn: kaj du dimanĉaj ĵurnaloj — unu pro la personaj anoncoj kaj la aliaj por legi — kostis dek cendojn. La tuto sumiĝas Dol. 4.76. Kaj nun oni devas aĉeti vestaron, kaj . . .

Mi lasas la kalkuladon kaj cedas. Mi aŭdis pri mirindaj bonaĉetoj de ŝtofoj, kaj pri mirakloj plenumataj per kudrilo kaj fadeno; sed mi dubas. Vane mi balancas mian plumon, atendante ke mi povu aldoni al la vivo de Dulcie iujn el la ĝojaĵoj, kiuj apartenas al virino laŭ ĉiuj ĝenerale komprenataj, sanktaj, naturaj kaj ne funkciantaj ordonoj de la ĉiela justeco. Dufoje ŝi estis en Koni-Insulo[5]) kaj rajdis sur la stang-ĉevaloj. Estas tede kalkuli niajn plezurojn posomere anstataŭ pohore.

Kelkaj vortoj sufiĉas por priskribi »Porkidon«. Kiam la knabinoj lin tiel nomis, ili ĵetis kontraŭ la noblan porko-familion tre nemerititan hontmarkon. La leciono de »vortoj kun tri literoj« en la malnova libreto instruanta literadon, komenciĝas per la biografio de »Porkido«[6]) Li estis grasa; li havis animon de rato, la kutimojn de vesperto, kaj la grandanimecon de kato . . . Li portis multekostan vestaron; li estis spertulo pri trovo de malsataj knabinoj. Li povis ekrigardi knabinon kaj tuj juĝi, kiom longe ŝi ne manĝis ion pli nutran ol alteon kun teo. Li staradis ĉirkaŭ la butikeg-kvartalo kaj vagaĉis en fak-magazenoj invitante al tagmanĝo. La viroj, kiuj laŭ la ordono de sia edzino promenigas hundojn surstrate, lin malrespektis. Li estas tipo; mi plu ne povas lin priskribi; mia plumo ne estas por liaspecaj; mi ne estas ĉarpentisto.

Dek minutojn antaŭ la sepa, *Dulcie* estis preta. Ŝi sin rigardis en la sulkeca spegulo. La reflektaĵo estis kontentiga. La malhel-blua vesto, sensulke alkorpiĝanta, la ĉapelo kun sia gaja, nigra plumo, la nur iomete malpurigitaj gantoj — ĉiuj reprezentantaj abnegacion, eĉ de nutraĵo mem — estis dece taŭgaj.

*Dulcie* momente forgesis ĉion alian, krom ke ŝi estis bela, kaj ke la vivo eklevis por ŝi la angulon de sia mistera vualo, por ke ŝi povu observi ĝiajn mirind-

[3]) *William Muldoon* — konata, usona atleto. (Trad.)

[4]) Per tio la aŭtoro volas diri »kun irlanda fizionomio«. (trad.)

[5]) Ban- kaj amuz-loko ĉe la rando de Bruklino, kiu siavice, estas parto de Granda Nov-Jorko. (trad.)

[6]) En la angla lingvo la vortoj: grasa, rato, vesperto, kaj kato estas tri-literaj. (trad.

## Vespero en la parko

— Alex Kay —

Senmovas arboj en la parko,
sur la ĉiel' la kurba barko
de l' Nokt', la Luno flosas.
Oblikve tra la branĉtegmento
vidiĝas en la okcidento
la sun-kisita firmamento,
kiu nun pale rozas.

Transmonda estas la trankvilo.
Jen silentiĝis eĉ la trilo
de l' bruaj birdkantistoj.
Lulzume nur skaraboj krozas,
la arbobranĉoj dorme pozas,
la parko lace ekripozas
post la someraj distroj.

Sed la odoroj estas viglaj:
sin trudas timianoj tiklaj,
rezedoj, mentoj, malvoj,
freŝa odor' de l' rosa humo.
Kaj tra ĉi odorfrenezumo
triumfe pafas rozparfumo
per ĉiovenkaj salvoj.

Mi sur la mola herbo kuŝas
kaj mian varman vangon tuŝas
rosa herbet' petola.
Kun tiu malhelblua arko
de l' firmament', kun la Lun-barko,
kun parfumsonĝoj de la parko,
mi estas sola, sola.

La nokto venas brunkolore,
la nokto nigras jam. Sed fore
la urb' matenkrepuskas.
La urb' albrilas por averto:
necesas tie lukti lerto;
en grotoj de ĉi ŝtondezerto
la hom' je hom' embuskas.

Necesas tie lukti skermi
aŭ ekstermiĝi aŭ ekstermi
kun turmentita cerbo:
necesas en tumulto puŝi,
la donacitan vivon fuŝi.
Beate estas kuŝi, kuŝi
sur herbo aŭ sub herbo.

ajojn. Neniu ĝentilhomo. ĝis tiam, ankoraŭ invitis ŝin. Kaj almenaŭ por mallonga tempo ŝi nun vizitos brile altigan spektaklon.

La knabinoj ja diris, ke »Porkido« estas »elspezulo«. Estos granda manĝo kaj muziko kaj belege vestitaj sinjorinoj por rigardi, kaj ajoj por manĝi, kies nomoj strange tordas la makzelojn de knabinoj, kiam ili penas elparoli tiujn. Sendube oni ŝin ree invitos.

Estis blua komplet-vestaĵo en montrofenestro, pri kiu ŝi sciis — se oni ŝparus dudek cendojn semajne anstataŭ dek, en daŭro, ni kalkulu, ho ve, tio daŭrus jarojn! Sed estas brokant-butiko sur Sepa Aveno, kie . . . .

Iu frapis la pordon. *Dulcie* ĝin malfermis. La dommastrino staris tie kun falsa rideto, ekflarante pri kuirado per ŝtelita gaso.

»Gentilhomo, por viziti vin, estas malsupre,« ŝi diris. »Lia nomo estas s-ro Uiggins.«

Per tiu epiteto estis konata Porkido al la kompatindularo, kiu devis akcepti lin serioze.

Dulcie sin turnis al la tualetujo por elpreni sian naztukon; kaj tiam ŝi rigidiĝis, kaj ege ekmordis sian suban lipon. Kiam ŝi rigardis en la spegulon, ŝi vidis fein-mondon kaj vidis sin kvazaŭ princino jus vekiĝinta el longedaŭra dormo. Ŝi forgesis iun, kiu gardadis ŝin per malgajaj, belaj, severaj okuloj — la solan kiu ekzistis por aprobi aŭ por kondamni, kion ŝi faris. Rekta kaj gracia kaj altkreska, kun mieno de malĝoja riproĉo sur sia bela, melankolia vizaĝo, generalo Kiĉener fikse ŝin rigardis per siaj mirindaj okuloj el sia orumita fotokadro sur la tualetujo.

*Dulcie*, kvazaŭ aŭtomata pupo, turnis sin al la dommastrino.

»Diru al li, ke mi ne povas iri,« ŝi obtuze diris. »Diru al li ke mi malsaniĝis, aŭ ion ajn. Diru al li, ke mi ne eliros.«

Kiam la pordo estis ŝlosita kaj fermita, *Dulcie* falis sur la liton dispremante sian ĉapelon, kaj dek minutojn ŝi ploris. Generalo Kiĉener estis ŝia sola amiko. Li estis ŝia idealo de brava kavaliro. Li aspektis, kvazaŭ li suferus pro sekreta malĝojo, kaj liaj mirindaj lipharoj aspektis kiel revaĵo; tamen ŝi iom timis tiun severan, kvankam dolĉan, rigardon en liaj okuloj. Foje ŝi fantaziis, ke li venos en la domon, kun sia glavo tinteganta kontraŭ liaj altaj botoj, kaj demandos pri ŝi. Foje, kiam knabo klakigis pecon de ĉeno kontraŭ lampa stango, ŝi malfermis la fenestron kaj elrigardis. Sed estis vane. Ŝi bone sciis, ke generalo Kiĉener estas for en Japanio, gvidante sian armeon kontraŭ la sovaĝaj turkoj, kaj ke li neniam elpaŝos de sia orumita kadro por ŝi. Tamen, tiuvespere, unu lia rigardo venkis »Porkidon«. Jes, tiuvespere.

Post la ploro *Dulcie* leviĝis, demetis sian plej bonan veston kaj surmetis la malnovan bluan kimonon. Ŝi ne volis manĝi. Ŝi kantis du versojn de populara kanto. Poste ŝi tre interesiĝis pri eta ruĝa punkto sur sia nazo-flanko. Aranĝinte tion, ŝi tiris seĝon al la disfalema tablo kaj klopodis diveni sian sorton el la malnovaj ludkartoj.

»La abomena, impertinenta aĉulo!« ŝi diris laŭte. »Kaj mi neniam, nek per vorto nek per rigardo, kuraĝigis lin ke li pensu tion!«

Je la naŭa horo *Dulcie* prenis el sia kofro stanan skatolon kun biskvitoj kaj malgrandan poton kun framb-konfitaĵo, kaj sin regalis. Ŝi proponis al generalo Kiĉener iom da konfitaĵo sur biskvito; sed li nur rigardis ŝin kiel sfinkso rigardus papilion — se estas papilioj en dezerto.

»Ne manĝu ĝin, se vi ne volas«, diris *Dulcie*. »Kaj ne estu tiel fiera, riproĉante min tiomege per viaj okuloj. Mi nur volus scii ĉu vi estus tiel supera kaj elektema, se vi devus vivi per ses dolaroj en semajno.«

Ne estis bona signo, se *Dulcie* estis malĝentila al generalo Kiĉener. Kaj poste, kun severa gesto, ŝi renversis la vizaĝon de Benvenuto Cellini malsupren. Sed la lasta gesto estis pardonebla, ĉar ŝi ĉiam pensis, ke li estas Henriko la VIII-a kaj ŝi lin malaprobis.

Je la oka kaj duono *Dulcie* lastfoje alrigardis la bildojn sur la tualetujo, mallumigis la gason kaj ensaltis la liton. Estas terure, se oni devas enlitiĝi kun bonnokta saluto al generalo Kiĉener, Vilhelmo Muldoon, la dukino de Marlborough kaj Benvenuto Cellini.

Ŝajnas, ke ĉi tiu rakonto celas nenien. Ties resto venos poste — kiam »Porkido« ree invitos *Dulcie* manĝi kun li, kaj kiam ŝi sentos sin pli soleca ol kutime, kaj kiam generalo Kiĉener, hazarde, rigardos alidirekte; kaj tiam . . .

Kiel mi diris antaŭe, mi sonĝis, ke mi staras apud aro da prosper-aspektaj anĝeloj, kaj ke policano ektuŝas mian flugilon demandante, ĉu mi apartenas al tiu grupo.

»Kiuj estas ili?« mi demandis.

»Nu,« respondis li, »ili estas la homoj, kiuj dungadis laborist-knabinojn kaj pagadis ilin per kvin aŭ ses dolaroj semajne, volante ke ili per tio ekzistu. Ĉu vi estas unu el tiu fiaro?«

»Je via senmorteco, ne,« mi respondis. »Mi estas nur tiu, kiu ekbruligis orfejon kaj mortigis blindulon por akiri liajn monerojn!« El la angla: *G. Saville.*



Infanoj el Volendam, Nederlando

# Perdita posttagmezo

— Lali Blond —

Kun etaj malhelpoj komenciĝis ĉi tiu sabata posttagmezo. El la ofico li povis liberiĝi nur horon post la kutima fino de la oficiala tempo. Oni kvazaŭ envias la dimanĉan ferion: sabate oni volonte eltrovas subitajn urĝajn laborojn. ŝajne por iom bridi la eble tro festan humoron de kelkaj oficistoj... Nu, ekzistas kelkaj, kies mieno preskaŭ funebras, kiam ili devas forlasi la oficejon, sed li certe ne apartenas al tiuj. Li rigardas la antaŭtagmezon kiel parton de ia fremda vivo: kiom ĝi lin koncernas? Lia korpo tie vivis, lia menso devis tie labori, efektive li tamen ne ĉeestis tie. Tamen, li pace trenis la jugon. Li ribeladis nur, kiam ĉi tiu fremda vivo sin trudis en la posttagmezon. Tiam li sentis, kvazaŭ iu tuŝus per kruda mano ian internan sanktejon en li, li sentis timon, kvazaŭ oni intencus murdi liajn pensojn kaj revadojn, kiujn li konservis por siaj solecaj posttagmezoj. En tiaj okazoj lin atakis fantastaj, senpovaj ideoj pri liberiĝo...

Veninte hejmen, li sin alivestis (li ĉiam havis apartan veston por la oficejo, favoratajn vestojn li neniam portis tie), rapide tagmanĝis kaj iris al la razisto. Sed en tiu ĉi malfrua horo la razistejo jam plenplenis de vilaj viroj, li devis atendi. Enue li simulis la legon de ilustrita priteatra gazetaĉo, plurfoje senpacience li konsultis sian horloĝon: li rapidis, hodiaŭ li jam nepre devis aranĝi afereton en vendejo de la interna urbo. Fine li venis en la manojn de la fulmgesta razisto kaj nun sekvis kelkaj trankvilaj minutoj plenaj de ia volupta sento pro la nepovo rapidi kaj komforta sindono al la pasiva ĝuado de ĉi tiu plibeliga operacio. Prete. Pago.

Kuro al la aŭtobus-haltejo. Malfruiĝo je nazlongo. Dek perditaj minutoj. Senpacienca aŭtobusado. Vendejo fermita. Kion fari? Ĉu li reiru hejmen kaj provu revoki la matenan humoron, tiun misteran staton, tiun trancon, en kiu li iris al la oficejo? Estis densa nebulo matene, kiu lin ĉirkaŭprenis kaj apartigis de aliaj rapidantoj, la lakteca koloro de l' nebulo vestis ĉion per ia nereala nuanco, estis en ĝi io nekutime brila, kvazaŭ ia neordinara lumfonto ĝin trafosforeskis. Li forgesis, kien li iras, li paŝadis helike, la blanka radiado de l' nebulo portis lin en strangan staton, li sentis, kvazaŭ kaosaj senformaj pensoj aŭ sentoj atakus lin de ie, kiuj volas por si rabi vivon, formon per li.. el la obtuza rumoro de l' nebulplena strato kvazaŭ fragmentaj ritmoj, embuskaj rimoj frapis liajn oreloj n... Li sentis, ke li gravediĝis de io, ke ia fremda vivo ekĝermis en li, ke ne mankas multo kaj li povas ĝin teni firme, fiksi en formon... La oficejaj horoj disŝiris ĉion, kaj li sciis, se nun li hejmeniras, vane li kaptados post la ĉifonetoj de l' matena travivaĵo...

Prefere li promenos iom. Estis klara, seka malvarmo. La bulvardoj brilis en la elektra pompo de l' vintraj vesperoj. Apenaŭ li povis iri pro la multaj homoj (liaj paŝoj ĉiam rapidis, el la strato kaj homoj nur malofte li vidis ion, ne estis eble konstati, kie vagadas lia rigardo: ĉu interne, aŭ en ia fantazia foro?), senpacience li sin turnis en flankstrateton, kaj jen li renkontis Aleksandron:

— Hallo boy!

— Hallo boy!

Jam de monatoj li ne vidis lin. Aleksandro estis stranga tipo; neniu sciis certe, el kio li vivas (same malcertis ankaŭ lia aĝo); talenta violonludisto li estis, sed fundamente li neniam ellernis sian arton; speco de »sovaĝa genio«, foje-foje li donis koncertojn, kies biletoj disvendiĝis inter lia tre vasta konataro: plej volonte li partoprenis amatorajn prezentadojn, kaj kelkfoje, kiam per la prezento de populara melodio li sukcesis kuntreni la naivan aŭskultantaron de periferia amator-scenejo, li estis feliĉa. Lia eksteraĵo tre variis: jen razita, preskaŭ eleganta, juniĝinta li aperis, jen en eluzitaj vestoj, kun kelksemajna barbo, kelkfoje eĉ nepure. Ankaŭ liaj lipharoj jen aperis, jen malaperis. Li konstatis kun malaprobo, ke Aleksandro nun ree estas en liphara periodo. Entute li ne povis kompreni, kiel povas porti normale inteligenta homo tiajn aĉaĵojn kiel la lipharoj, sed tiuj de Aleksandro aparte agacis lin, estis en ili io stulte *kiĉa*...

Estis malvarme por longa strata babilo, Aleksandro ĉiam havis multe por rakonti, kaj ankaŭ li inklinis al la mortbato de l' vespero. Kion fari? Li ne volis inviti Aleksandron al sia hejmo, ĉar li ĝuste tiam ne estis en feliĉa periodo koncerne vestajojn... Sed ili ne multe hezitadis. Tuj venis en la kapon de Aleksandro iu el liaj »brilaj ideoj«, el kiuj li ĉiam havis plenan stokon. Li invitis por komuna vizito al »spelunko«, kiun Aleksandro nelonge malkovris, kiu estas en la proksimo, kaj kie en varmo oni povas babiladi, ankaŭ bilardludi li povas, aŭ ping-pongi, se al li plaĉas....

Li konsente ekiris, baldaŭ ili estis ĉe la enirejo de la ejaĉo, nu, ekstere ĝi aspektis sufiĉe normale: ia miksaĵo de sukervendejo kaj laktejo. Ili enpaŝis. Humila saluto de malalta viro, kiu surhavis sportĉapon. En la antaŭo de la ejo troviĝis kelkaj rondaj tabloj kun seĝoj: tiuj mebloj jam apenaŭ memoris pri la farboj, kun kiuj ili naskiĝis en la mondon. Post la tabloj staris alta, longa plurvica stablo, sur kiu videblis plej diversaj sukeraĵoj, bakaĵoj, bombonaj skatoloj, ĉokoladfiguroj, eĉ vitrajoj plenaj de palkoloraj marmeladoj. Apud la stablo kelkaj ŝtupoj kondukis en iom pli altan parton de la ejo, kie staris forno, elektraj hejtiloj, do la kuirejo. Ĉio en la ejo montris pri malpuro, malkvalito, malofta gastaro; polvo, baciloj trovis amikan hejmon sur la bakaĵoj.

— Ĉu la sinjoroj restas ĉi tie aŭ tuj iras malsupren? — demandis la mastro.

— Ni iras malsupren — respondis Aleksandro kaj gvidis lin supren sur la ŝtuparoj.

Li iom mire sekvis Aleksandron: kion ili serĉos en la »kuirejo«? kaj kial oni iras *supren*, se temas pri *malsupreniro*? (Momente li suspektis Aleksandron pri subita atako kontraŭ la mal-sufikso, eble per tia *ad-oculos*-demonstrado li volas propagandi por *infra*, sed li retrankviliĝis: ekster la kadroj de sia propra arto, Aleksandro montris tiel malmulte da spirita interesiĝo, tiel pigran gluiĝon al la konata normo, tiel naturan inklinon al ĉio mezeca, banala, ke lia ortodoksec o ŝajnis por ĉiam certigita.) Veninte supren, la mastro iris antaŭen kaj levis tabulon de la planko: antaŭ liaj mirantaj okuloj malkaŝiĝas kruta ŝtuparo, kiu kondukis en la kelon. Aleksandro malsupreniris; la mastro, kiu vidis lian konsterneton, kuraĝige lin invitis sekvi Aleksandron. Li sekvis.

En la kelo estis 5—6 junuloj. Ili ĉirkaŭstaradis bilardan tablon. Ili dronis en la ludo, la novevenintojn apenaŭ salutis hasta rigardo. Aleksandro tuj tiris lin al alia tablo:

— Vi devas ĝin lerni.

Rezigne li tiris la ŝultrojn. Aleksandro ĉiam volis lin instrui pri io. kion li ne volis lerni: jen li logis lin por montgrimpado, kaj kiam vespere ili ree estis sur la firma pavimo de l' urbo, kaj li apenaŭ povis spiri pro laceco kaj elĉerpiĝo. Aleksandro tion nomis *hardado*. jen li tentis lin por boatado, kaj primokis lin. kiam li — anstataŭ la mizera boataĉo. kiun Aleksandro elektis — preferis motorboaton: ĉi foje li tamen triumfis pri Aleksandro: Aleksandro renversis sian boaton kaj elvenis sur la bordon kiel elverŝita zizelo.

Mallerte. skeptike li prenis en manon la longan bastonforman ilon. per kiu oni puŝadas la blankajn kaj ruĝajn globojn. La unua puŝo mirinde sukcesis. Aleksandro jam pridubis. ke li ankoraŭ neniam bilardludis: sed la pluaj puŝoj... pli bone ne paroli pri ili. Baldaŭ rikananta rigardantaro ĉirkaŭstaris la tablon. Lin ektedis ĉi tiu duba gloro kaj li ĉesigis la eksperimentadon. De la mastro li mendis teon. kaj pretekstante la malvarmon de la kelo. li reiris al la supra ejo.

Aleksandro komprenemble restis malsupre. li tuj trovis ludparon kaj simple ne plu zorgis pri li. La mastrino servis al li per la teo. sed la ĝenerala malpureco de la ejo tiel lin naŭzis. ke apenaŭ li povis gluti el ĝi kelkajn kulerojn. Por ne malpacigi la mastrinon. li ekbabilis kun ŝi. Ŝi aspektis 40—45 jara. nigrulino. iom altstatura. balastaj brustoj. fortikaj kruroj. ampleksa postaĵo. Ŝiaj trajtoj estis krudaj kaj lacaj. Dum kvin minutoj li eksciis ŝian vivhistorion: interalie. ke jam de dekkvin jaroj ili luas la ejon. antaŭ du jaroj ili ĝin forlasis. ĉar la domposedanto ne volis malaltigi la luprezon: dum duonjaro la ejo restis sen luanto: fine la posedanto revokis ilin. Nun ili pagas 1.600 pengojn jare (sufiĉe bela sumo por tia ejo!). Ili volis elmigri en Hispanion. ŝia edzo eĉ nun havas la pasporton por tiu lando. La edzo, kiu ĝis nun restis muta triaulo de la dialogo, nun riskis deklari. ke li eĉ scias la hispanan lingvon. sed li ne kuraĝis dokumenti ĉi tian sciencon antaŭ la nekutima gasto. kies vestoj atestis pri socia klaso. kies anoj ne kutimas enirvojii en ĉi tiun butikon. kaj kiu gasto babilis kun Aleksandro ian nekompreneblan fremdan idiomon. Nu. ĉi tiu gasto nur sidis. ne trinkis la teon kaj interesiĝis pri la prosperado de la butiko. Danĝera temo. ĉar neelĉerpebla! Kiel akcipitro sur sian predon. tiel sin ĵetis sur lin la mastrino (kiu de... alpre... a komandon) per sia vortkaskado. Ŝian senfinan plendadon interrompis la apero de la sola gasto. kiun li vidis hodiaŭ en la supra ejo (ĉar en la kelo troviĝis nur junuloj. kiuj pagis por la ludo. sed konsumis nenion. La noveveninto estis longa malgrasulo: familiare li salutis. Ankaŭ li konsumis nenion. Li reportis gazetojn. kiujn li antaŭe pruntepetis. kaj ŝanĝis ilin je novaj. Poste li iris al la stablo. prenis skatolon. destinitan por konservi ĉokoladbombonojn, malfermis ĝin kaj je la granda surprizo de la soleca gasto, kiu neglektite orfadis apud la netuŝita teo (la mastrino jam havis tempon nur por la regula gasto). nu. je lia granda surprizo. la skatolo tute ne enhavis ĉokoladon. sed tabakon! La malgrasulo pretigis el ĝi kelkajn cigaredojn. kaj ferminte la skatolon. remetis ĝin sur sian lokon kie ĝi servis kiel ŝildo kaj atestilo pri la destino de la butiko. Krom la laŭte prononcitaj salutvortoj li parolis preskaŭ nenion kompreneblan. al la ĉirkaŭflatado de la gemastroj li respondis per kelkaj donace ĵetitaj murmuradoj. la ĉapelon li lasis surkape dum la tuta tempo.

La soleca gasto. kiu ĝis nun sidis en stranga inerto. en senpova aŭskultado pri tiu marionet-impresa trialogo. subite senpacienciĝis. Iel li vekiĝis el sia torporo. en kiun lin lulis la laco pro la posttagmeza vana rapidado kaj la peza influo de la fremda etoso: li ŝajnis sin demandi. kial li estas ĉi tie. Feliĉe. en ĉi tiu momento venis Aleksandro, fininte sian partion kaj ekmemorinte pri li kaj pri tio. ke ili venis ĉi tien por babilado. Sed li jam perdis ĉian humoron por tio. nu. iun alian fojon...

Pago. Komuna rapidado al aŭtobushaltejo. Adiaŭgesto al Aleksandro. Hejme vespermanĝo. Stereotipaj dialogoj kun la kuiristino. Kion fari? Sur la skribotablo kuŝas libroj legotaj. Kiun elekti? Nova Babiĉromano (tro dika), lirika kajero de knabaĝa amiko (kiĉoj!), psikanaliza verko (repuŝa gesto), eble tamen tiun detektivromanon. sed prefere en la lito, li sentas lacegon kaj tedon . . . Enlitiĝo. Li prenas en la manon la krikoloran libron. sed tuj ĝin demetas. Eh! pli bone dormi. Lamp-estingo. En la mallumo por momento tentas lin revado pri io, eble pri rimoj, versfragmentoj. kiuj ŝajnas al li konataj . . . Jes, matene... Sed kiam li volas kapti ilin. ili fuĝas. Eh!... Li turnas sin al la muro. Perdita tago.



Pejzaĝo en provinco Zeeland

# Mi forlasas la vivon

Jes. La decido estas farita. Mi forpasos. Mi plenfide eliras, elpaŝas el ĉi tiu vivo, kiun mi abomenas, kiu min naŭzas. Longe, tre longe, mi ankoraŭ hezitis, sed nun mia decido estas firma, fiksa. Nur kelkaj vojaĝarangĝoj estas farotaj kaj tiam ... fftt. »La mortinto tamen estis bona homo, kvankam iom stranga.«

Jes, karuloj, mi forlasos baldaŭ la vivon por iri en pli bonan mondon, ĉar la nunan mi malamegas. En ĉi tiu vivo, sur ĉi tiu tero nur malsano, mizero kaj doloro estas troveblaj kaj ĉio estas ope kunigita kun malriĉeco, senhaveco. Multon mi aspiris, nenion mi akiris.

Iuj diros: »malkuraĝulo li estis, li timis la vivon kaj pro tio forkuris el ĝi.« Sed nenies opinio estas plu interesa por mi. Mia decido ja estas fiksa, neŝanĝebla, mi forpasos. Jes ja, la »iuj« eble pravas: mi efektive forkuras kiel malkuraĝulo, kvankam mi mem ne opinias min tia.

Jam delonge la mondo naŭzas min. Ĉie, kien mi rigardas, mi trovas ĉagrenon, doloron. Mi renkontas iun kaj demandas lin, kiel li fartas. Tuj, kvazaŭ spontanee li respondos: »Malbone!« Aŭ en la favora okazo, ke li persone ne fartas tiel mizere, certe iu lia konato, amiko, familiano aŭ parenco troviĝas en plorinda stato pro mi ne scias kia kaŭzo. Kaj en tia abismo, en tia putrejo mi devus vivadi kaj restadi ankoraŭ dum kelkaj jardekoj? Ne! Mi dankas. Tion neniam. Tiuokaze mi preferas la pli simplan solvon: mi forpasos. La morto, tiu transaĵo, ne plu havas ion teruran, ion angorigan por mi. Fakte ĝi neniam estis tia por mi, sed ĝis nun mi ne tiel klare konsciis pri tio. Tute kaj plene mi konfidiĝis kun la morto, la ideo ne plu vivi havas ion tre allogan por mi, ion al kio mi jam ne povas rezisti. Mi eĉ pli intimiĝis kun la morto ol kun la vivo, la putranta vivado, la tiel nomata kaj laŭdata »socio«, en kiu mi spiras. La vivon mi malamas, malamas pro tio, ke ankaŭ ĝi malamas min. Neniam, atentu, NENIAM ĝi estis eĉ nur iomete afabla al mi. Daŭre, dum mia tuta memorstato ĝi batalis kun mi, kontraŭ mi. Ĝi ludis per mi, kiel kato ludas per eta muso. Unu konsolo restis al mi: ne nur per mi ĝi ludis, sed ankaŭ miloj da aliaj personoj, samsortanoj, kunhomoj estas tage kaj nokte turmentataj de la Vivo, la Vivo kun majusklo. Ĝi ŝatas amuzi sin per ni, ni pendantaj vermoj sur putranta terkrusto. Nur eta nombro da homoj ŝajnas feliĉaj; ŝajnas, mi diras, ĉar kiu asertas, povas aserti, ke ili efektive estas tiaj, kiaj ili sin montras al la ekstera mondo? Oni ja ne povas fidi la homojn, certe ne povas fidi ilin laŭ ilia ekstero, laŭ ilia sinmontro. Ankaŭ min ne fidu laŭ mia ŝajno. La infaneto en mi jam emis montri sin aliulo ol li efektive estis, la infano jam enhavis en si la ideon, fiksan ideon: ne montru al fremdaj personoj, kio estas, brulas en vi! La infaneto jam kutimis porti masketon, la plenkreskulo daŭrigis tiun bonan kutimon kaj la nuna spirito en mi, la mezaĝulo, perfektigis tiun maskportadon. Li eĉ ne plu pensas pri tio, forjeti sian maskon.

Ofte mi miras, ke nur tiom malmultaj homoj mortigas sin mem. Tiu plej genia solvo ja estas ege taŭga rimedo. Eĉ superdia rimedo! Kia povo: oni kiel mizera, sensignifa homo miksas sin en la verkoj diaj! Oni kapablas ĉesigi la dian mekanismon, la vivon.

Sed ne ridu. Ne diru: vi abomenas la vivon kaj tamen nomas ĝin dia? Mi mem povus miri pri tio, se mi ne pli bone konus min mem, mian internon. Sed tia nun estas mia esenco, mia konsisto. Plena de maloj, de kontraŭaĵoj mi estas. En ĉiu frazo, kiun mi skribas aŭ diras, mi sentas la kontraŭaĵon. Kaj ree mi suferas pro tiu interna kontraŭeco, pro tia daŭra batalo kun mi mem, kun mia dua mi. Kompreneble mi suferas pro tio, mi ja devas suferi pro tio; por kio alia mi estas en la mondo, en la vivo? Ĉar estas ree la vivo, kiu faris min tia, kiu metis en min, en mian pensaron tiun duoblecon, tiujn du interbatalantajn potencojn, kiuj fendas min, kiuj murdas mian trankvilon, ekvilibron. Ĉion, ĉiujn miajn proprajn rezonojn mi volus refuti. Iumomente mi asertas ion, alimomente venas en mian cerbon la vorto »tamen«. Simple, nur por povi kontraŭi.

Sed ĉi tiu unu unika decido nun restas eterne sen refuto: mi forlasos tiun vivon, sen adiaŭo al kiuj ajn krom ĉi tiu mia testamento. »Vi estas pesimisto!« kelkaj diros post mi. »Vi vidas ĉion tra tro nigraj okulvitroj, vi estas kompatinda tial, ke vi ne kapablas vidi la belon kaj bonon de la vivo.«

Mi ridus, se mi ankoraŭ povus aŭdi tielaĵojn, same kiel mi ridus se mi ekscius vian opinion pri ĉi tiu mia testamento. Mi ridus, devus ridi. Ĉu vere, ĉu vere mi ne vidas la belon, la bonon en la vivo? Sed kiel mi povus ja vidi ion, kio ne estas, ne ekzistas? Ĉu estas bela tiu vivo, kiu toleras frenezulojn, blindulojn, kriplulojn kaj lamulojn? Ĉu estas bona kaj bela tiu vivo, kiu unue amigas du junajn homojn, por ke ili poste, post kelkjara geedzeco, suferu ĝismortan malsanadon aŭ penegoplenan ekzistadon? Ĉu vere ankaŭ mi devas esti tia stultulo kaj trankvile kaj rezignacie atendi, kion ĝi konservos por mi? Ĉu ne estas supermezure stulte resti en la vivo kaj kliniĝi sub ĉiuj plagoj, sub ĉiuj batoj de la sorto, nur tial, ke iuj eltrovis, ke estas malpermesite fini mem sian vivon, mi ne komprenas, pro kio tio estus malpermesita, dum la vivo mem permesas al si multe pli grandajn

---

## Ĉar mi la lipon metis . . .

— Victor Hugo —

Ĉar mi la lipon metis al via vivkaliko,
Ĉar mi la frunton lasis en via mana lul';
Ĉar foje mi enspiris el la parfummistiko
De via flor' anima, kaŝita en nebul';

Ĉar povis mi aŭskulti, ke vi murmuras ame
La vorton ensorĉantan la koron de l' solul',
Ĉar mi en ploro vidis kaj en rideto same
Sur mia vian buŝon, l' okulon ĉe l' okul',

Ĉar mi la brilon vidis, ĉe mia kap' ravita,
De via milde luma sed ofte pala sun'
Ĉar falis en la fluon de mia vivo glita
Ŝirita rozfolio el via freŝa jun',

Al ĉi rapidaj jaroj mi diras nun sen timo:
— Forpasu! ja ne venos plu por mi velka hor'!
Forflugu folifale; mi sentas en l' animo
Memoran floron, kiun neniu ŝiros for.

Flugilo via vane deverŝos el pokalo
Likvoron vivoplenan. Mi havas en promes'
Anime pli da fajro ol vi da cindrofalo
Kaj kore pli da amo ol vi da tempforges'.

El la franca: *Henri Vatré*



# OBSERVO

## LA TEATRA TRUPO DE MALMQVIST

La esperantistoj multfoje povis ĝui esperantlingvan prezentadon de profesiaj aktoroj,, precipe dum universalaj kongresoj, sed estas unuafoje, ke tuta trupo eklernis Esperanton celante ĝin uzi kiel prezentadlingvon dum gastrolado eksterlande. Temas pri la sveda teatra trupo de Sandro Malmqvist, kiu en majo gastroladis en Estonio kaj Latvio. Sandro Malmqvist, ĉefreĝisoro de la urba teatro en Göteborg, ekkomprenis la grandajn avantaĝojn, kiujn povas rezultigi la apliko de Esperanto sur la teatra kampo kaj li ankaŭ havis la kuraĝon fari la unuan eksperimenton. Ĉiu komenco estas malfacila: la esperanta publiko ne estas ankoraŭ tre grandnombra, ankaŭ mankas al ĝi ankoraŭ certa celkonscio por povi prezenti el si forton, kiu praktike devigus la ĝeneralan publikon agnoski Esperanton. Ni esperu, ke la malfacilaĵoj, kiujn renkontis Sandro Malmqvist, ne fortimigis lin, kaj ke la unuan provon baldaŭ sekvos alia, kiu gajnos por la trupo pliajn simpatiantojn. Oni devas akcenti, ke la teatra trupo de Sandro Malmqvist, malgraŭ sia juneco — ĝi estas fondita nur en 1929 — atingis jam altan artnivelon, ke ĝi meritas esti rigardata, pri kio unuanime konsentis la teatrokritikistoj de la ĉefaj tagĵurnaloj.

La trupo debutis dum sia gastrolado per verkoj de Strindberg kaj ĝi sukcesis per sia originala aliro al la verkoj de Strindberg, per sia freŝeca ludmaniero elsorĉi veran Strindbergan atmosferon. La geaktoroj prezentis dum unu vespero du teatraĵojn: la unuaktan »Ludi kun fajro« kaj la 3-aktan »Pasko«. Laŭ peto de la lokaj aranĝantoj la unua okazis en la sveda lingvo.

Ambaŭ teatraĵoj ne apartenas al la ofte ludataj Strindberg-teatraĵoj, sed ili ambaŭ estas tre karakterizaj. La unua respegulas la cinikan sarkasmon de Strindberg. Tre karakteriza estas la momento, kiam la edzino de la pentristo, puŝfaligite de sia edzo, kuŝas surplanke, dum la edzo kaj la amiko duope pritraktas la aferon, kvazaŭ ĝi ŝin ne rilatus. En la dua teatraĵo ni vidas Strindberg de alia flanko: la tutan teatraĵon ruĝlinie travibras ia kortuŝa delikateco. La centra persono de la teatraĵo estas Eleonora, juna knabino mense ne tute sana, unu el la plej belaj virinaj figuroj, kreitaj de Strindberg. La agado okazas dum la Sankta Jaŭdo, Sankta Vendredo kaj antaŭpaska Sabato. Turmenta sufero kaj timo de novaj suferoj. Prema atmosfero, kiun efike substrekas la nigraj-blankaj koloroj de la enscenigo kaj la timiga giganta ombro de la kreditoro, aperanta de tempo al tempo sur la fono. Multe akcelis la sukcesigan enscenigon propraj stilaj kulisoj, kies kunportado sendube estis ligita kun multaj klopodoj kaj elspezoj. En la fino de la teatraĵo ĉiuj neesperite liberiĝas de la premaj zorgoj, reviviĝo ektriumfas en la koroj, kiuj tiel sopiris je lumo kaj sunbrilo.

En la teatraĵoj partoprenis tri aktoroj kaj tri aktorinoj kaj la publiko povis ilin vidi en tute kontrastaj roloj. Karl-Arne Holmsten tre nature ludis la rolon de la sajne malvarmsanga kaj ekvilibra edzo-pentristo kaj de instruisto Elis, premata pro la pezaj sorbatoj, trafintaj lian familion. Börje Mellvig ni ĝuis en du roloj tute diversaj: en la rolo de amiko, lerte scipovanta ludi kun fajro, kaj en rolo de gimnaziano, senhelpa en sia malfeliĉo. Bengt-Åke Bengtsson ludis la rolon de patro kaj la rolon de Lindkvist, la timata kreditoro. En la lasta li estis nesuperebla. Ann Lindhagen ni vidis en rolo de bagatelema patrino kaj en rolo de juna modesta fianĉino. Berta Hall post prezento de kaprica moderna knabino, surprizis nin en karakteriza rolo de s-ino Heyst. La ĉefrolojn admirinde ludis Eva Malmqvist, la edzino de la reĝisoro. Du roloj tiom diversaj. La histeria edzino de la pentristo kaj Eleonora, la juna knabino, kiu vidas la stelojn dum luma tago, kiu komprenas la silentan lingvon de la floroj, por kiu ekzistas nek tempo, nek spaco.

Iu kritikisto diris, ke la prezentado valoris esti rigardata de ĉiuj artamantoj. Strindberg ne estas facile komprenebla kaj ĝui oni povas lin nur, se oni lin bone komprenas. Estu la tasko de la Malmqvist-trupo kunhelpi al pli bona kompreno de ĉi tiu genia verkisto en la tuta mondo.

*H. D.*

## O. HENRY

En Grinsboro, ŝtato Nord-Karolino, kiu estas unu el la tipaj usonaj urbetoj, staras impona apoteko kiu nomiĝas »O. Henry«. La urbetanoj fieras preterpasante ĝin, ĉar tiu nomo estis donita por honori knabon kiu foje laboris en ĝi kaj kiu poste iĝis la plej eminenta el la usonaj novelet-verkistoj. Lia nomo estis *William Sidney Porter* (O. Henry: pseŭdonomo) kaj lia vivperiodo estis 1862—1910.

Ĉar lia patrino mortis kiam li havis nur tri jarojn, la plej forta influo je liaj impresplenaj jaroj estis lia onklino, f-ino *Evelina Maria Porter,* kiu estis instruistino en komenc-lernejo kaj amator-poetino.

Dum lia knabeco nek dramo nek noveletoj lin allogis, nur la karikaturista arto, kaj antaŭ ol li iĝis verkisto, li multe karikaturis por urbetaj ĵurnaloj en ŝtato Teksaso. Poste li diletadis kiel redaktoro de Rolling Stone (Ruliĝanta Stono) en *Austin,* Teksaso. Ankoraŭ poste li estis brut-bienulo; gazet-raportisto; librotenisto ĉe firmo, kiu disvendadis grund-pecojn; desegnisto en ŝtata oficejo kaj bank-kasisto.

La lasta pozicio kaŭzis al li malfeliĉon, ĉar pro manko de mono, kiun li bezonis por sia malsaniĝinta edzino, li »pruntepreni« malgrandan sumon, kaj ne povinte remeti ĝin ĝustatempe, li devis forlasi Usonon. Sed tiu malfeliĉo ebligis al li viziti Centran Amerikon kie, interamikiĝante egale kun la lokaj magnatoj kaj marbordaj vagantoj, li ricevis la unuan materialon por sia fekunda imag-kapablo.

Pro amo al sia edzino li revenis Usonon kaj pasigis kelkajn jarojn en karcero; liberiĝinte li ekverkis.

Li estis forta laboranto, kvankam kelkfoje eĉ al li mankis inspiro. Unu el liaj plej bonaj noveletoj estis 13-foje resendita kaj fine akceptita. Sed ĉu li ricevis Dol. 40 ĉu, kiel poste, Dol. 1000 por historieto, la mono ĉiam malaperis, ĉar li estis tre malavara.

krimojn. Tiamaniere la batalo estas malegala. Unu partio, la homo, rajtas fari preskaŭ nenion, eĉ devus esti danka pro ĉi ĉio, dum la alia partio, mondo kaj vivo, estas absolute senbrida.

Homoj, fariĝu vidkapablaj! Ne plu kredu falsajn dogmojn. Ekkonsciu, ke vi estas nura ludilo de altaj potencoj, malicaj potencoj, de »dioj«. Ne plu toleru tion, uzu la majestan rimedon, agu kiel mi: mi forlasos la vivon! Adiaŭ, stultuloj! samsortanoj, posteuloj!

*

Oni trovis la leteron en la poŝo de la sinmortiginto. Veneno finis lian vivon, ia potenca veneno, efikanta rapidege, perfekte. Li mortis pro kio? Oni ne sciis, neniam scios. Ŝultrolevo estas la sola efiko kaj oni murmuris ion pri multa ĉagreno, senlaboreco, bankroto. La homoj en sia pedanteco, mondsaĝo, kredis sin kapablaj sondi tiun animon kaj la kaŭzojn, kiuj igis lin forrabi la vivon. Sed lian heredaĵon, la leteron majestan, plenveran, oni ne povis kompreni. Oni neniam povos ĝin kompreni, aŭ eble povos nur tiuj, kiuj sciis venki la kaŝan timon pri morto.

*M. de Waard.*

»Verku por plaĉi al vi mem«, estis lia moto. Lia verko devis esti tiel bona kiel lia ebleco permesis al li, antaŭ ol li konsentis, ke la publiko ĝin vidu. Kaj tiu publiko vidis 250 noveletojn, kiujn li verkis dum sia 9-jara restado en Nov-Jorko.

La unua impreso, kiun la leganto nepre eksentas pri O. Henry, estas eksterordinara originaleco. Li interpretadis la voĉon, ne nur la ehon de siaj »cerb-infanoj«.

»Mi neniam renkontis iun de kiu mi ne povis ion lerni, ne gravas kiu ajn li estis — kondiĉe ke li havis sperton, kiun mi ne havis«, estis dirajo, kiun li ofte ripetis.

Li ĝuis bonan humoron ĝis sia lasta momento, ĉar jus antaŭ ol li forpasis li ekkantis la sekvantajn vortojn de la tiam populara kanto: »Lumigu, ĉar mi ne volas hejmen-iri en mallumo«. *G. Saville.*

LA VIVO KOMENCIĜAS NUR KUN KVARDEK JAROJ.

Estas ĉiam interese ekscii, kiujn librojn la legantoj plej ŝatas. Kelkaj amerikanaj gazetoj, kiuj ricevas regulajn raportojn de la gvidantaj libristoj en Usono, publikigas ĉiusemajne liston de tiaj libroj. Ĉi tiuj »Best Seller« tre varias de semajno al semajno, kio estas tute komprenebla, se oni rigardas la grandegan libroeldonadon en Ameriko kaj la ŝanĝiĝeman guston de la legantaro. Do estas unika aperajo, ke unu libro tenas de pli ol unu jaro la unuan lokon sur ĉi tiu listo kaj ankoraŭ hodiaŭ estas ĝenerale postulata. Ĉi tiu libro titolas »Life begins at forty« (La vivo komenciĝas nur kun kvardek jaroj.)

La usonanoj estas ankoraŭ juna nacio kaj nenie alie estis esprimita ĉiam tiel ĝenerale la opinio, ke la mondo apartenas al la junularo. Romanoj, teatrajoj, filmoj kaj radio, ĉiuj konsentas en la gvidmotivo: »La junularo antaŭen!« Ne la saman opinion, eĉ la kontraŭan, predikas la profesoro por ĵurnalistiko ĉe la Columbia-universitato en New-York, Walter B. Pitkin, la verkinto de la libro »La vivo komenciĝas nur kun kvardek jaroj«; kaj tutaj lavkorboj da entuziasmaj aprobaj leteroj, kiujn li ricevis tago post tago, pruvas, ke li eldiris ĝustan vorton en ĝusta tempo kaj al multegaj maturaj homoj li donacis novan vivkuraĝon. En lando, en kiu preskaŭ ĉiu postenserĉanto, ĉe kiu montriĝas la unuaj grizaj haroj, kolorigas tiujn, la libro de profesoro Pitkin devis signifi veran sensacion.

»Nur kun kvardek jaroj ni entute scias,« diras Pitkin, »pri kio ĉefe temas en ĉi tiu mondo. Ĉu vi fakte opinias, ke nia laborkapablo en ĉi tiu aĝo komencas malaltiĝi kaj niaj sentoj malakriĝi? Stultajo!« elvokas la juneca 57-jara profesoro de la ĵurnalistiko, »nur kun kvardek jaroj ni fakte posedas juĝkapablon, ni staras sur la firma grundo de la sperto kaj scias ŝati la verajn valorajojn de ĉi tiu mondo.« Kaj li ne lacas firmigi ĉi tiun sian tezon per ekzemploj el ĉiuj regionoj de homa aferemo. »Ĝoju, ke via vera vivo nur komenciĝas«, li alparolas la kvardekjarulojn. »Kvardek estas la plej envi-inda aĝo.«

Sed laŭ profesoro Pitkin la kvardekjarulo ankaŭ devas mem ĝuste edukadi sin por ĉi tiu sia nova vivo, organizi sian tempon. Li devas unuavice komenci per la forigo de ĉio superflua. Li tre ofte emas, sen rigardi sian aĝon, fari tro multe kaj pro tio spertas poste malsukceson.

»La plej grava progreso por la homo en la meza aĝo devas esti: klariĝi, pri kiuj aferoj li fakte interesiĝas kaj poste okupi sin ĉefe nur pri ĉi tiuj aferoj, egale, ĉu ili estas rigardataj de la aliaj homoj kiel »decaj« aŭ ne.«

La organizo de la ĉiutago estas ĝenerale la specialfako de profesoro Pitkin. Li faris multajn esplorojn en psikologa laboratorio pri la diversaj agoj de la ĉiutago; kaj tirante siajn konkludojn, li pruvas, ke surprize malmultaj homoj scipovas eĉ nur grimpi ŝtuparon sen malŝpari energion. Ankoraŭ malpli da homoj scipovas la arton de la sinripozigo, de la plena malstreĉiĝo. Se ni scipovus ĝin, ni povus ŝpari sufiĉe grandan nervoforton. En la plej etaj aferoj de la ĉiutago enestas certa »tekniko«.

Sed li estas ankaŭ atentinda viro, la profesoro Walter B. Pitkin. Ĉiam li verkas libron, aŭ pri la plej bonaj estonteblecoj de la lernej-forlasinta generacio, aŭ pri la arto de la legado, la »arto legi rapide«, aŭ pri la historio de la homa malsaĝo aŭ pri la psikologio de la feliĉo. Kaj ĉiuj ĉi tiuj libroj baziĝas sur ampleksa materialo da faktoj kaj sur matura, ĉiokomprena vivofilozofio.

»Unu de la ĉefaj malbonajoj de nia tempo«, diras



Frans Hals: *Gitarludanto*

ĉi tiu multflanka viro, »estas la troa specialigo.« »Ni translasas«, li opinias, »la plej gravajn decidojn al specialistoj, kiuj sur ĉiuj kampoj, krom unu sola, estas konfuzuloj, kaj la rezulto estas granda konfuzo por ĉiuj — inkluzive la specialistojn.« Profesoro Pitkin pro tio, kun aro da kunlaborantoj, klopodas por ŝanĝo de la specialistoj, kiujn precipe Ameriko oni grandare edukis kaj kiuj pro la ekonomia krizo perdis sian vivsubtenon. Laŭ lia opinio la celo de ĉia edukado kaj klerigado devas esti sufiĉe larĝa kulturfundamento, kiu ebligas al ni akomodiĝi al la ĉiam ŝanĝiĝantaj postuloj kaj kondiĉoj de la moderna vivo.

La kariero de Pitkin estas tute usona en la plej bona senco de la vorto. Li studis ĉe la ŝtata universitato de Michigan lingvojn, okupis sin plurajn jarojn, ĉe germanaj kaj francaj universitatoj, pri psikologio kaj estetiko, kaj perlaboris sian vivsubtenon kiel negocanto pri forjetaĵoj. Post la Pariza mondekspozicio en la jaro 1900 li transprenis la »oficon« de usona »forjetaj-valoriganto«. Preskaŭ ĉiuj konstruaĵoj sur la tereno de la ekspozicio devis, laŭ la kontraktoj, esti forigitaj ĝis certa tempo; kaj la juna Pitkin vendis ĉion penseblan, de tegoloj kaj rompita glaso ĝis uzitaj fontan-plumoj kaj paperoj. Li konatiĝis kun ĉiuj ĉifonistoj de Paris kaj perlaboris sufiĉe, por daŭrigi sian studadon pluajn kvar jarojn, ĉe ĉiuj eŭropaj universitatoj, kiuj plaĉis al li.

En Ameriko Pitkin dediĉis sin al la instruofico kaj dum la ferioj li vojaĝis kun vidantaj okuloj tra la tutaj Unuigitaj Ŝtatoj, interesiĝis pri ĉio, vizitis la fabrikejojn de ĉiuj eblaj industribranĉoj, amikiĝis kun farmuloj kaj laboristoj kaj la lernema profesoro ĉiam hejmportis plenskribitajn dikajn notlibrojn. Ĉi tiuj notlibroj ebligis al li poste, esti en siaj publikaĵoj neniam teoria, sed havi por ĉio ekzemplojn el la praktika vivo. Nun profesoro Pitkin okupas multajn sciencajn kunlaborantojn, kiuj kolektas por li indikojn kaj faktojn el ĉiuj branĉoj de homa scio kaj homa farado.

Hodiaŭ Profesoro Walter B. Pitkin estas profesoro de ĵurnalistiko ĉe la plej grava universitato de la Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko, fakulo, popular-scienca verkisto kaj preleganto kaj unu el la gvidantaj viroj sur la kampo de la praktika filozofio; li estas konata personeco kaj, kiel 57-jarulo, konvinkiĝinta, ke la vera vivo por li nur nun komenciĝas! *F. W. V.*

NOVA ROMANO DE PEARL BUCK. *La tria volumo de la Wang-Saga.* Estis antaŭ kvin jaroj. Tiam eldonis la John Day-eldonejo libron, kies verkistino ne estis akceptita en la granda literaturista klano de New-York. »East Wind — West Wind« de Pearl S. Buck, staris sur la titolpaĝo. Favore salutata de la kritiko, ĉi tiu unua Ĉinuj-volumo de Buck modeste enviciĝis en la longan vicon de aliaj jarlibroj. Poste venis la printempo 1931. Aperis la dua romano de Pearl Buck »The Good Earth« (La bona tero). Kaj nun oni ekdemandis sin, ĝenita en la kutima trankvileco: Kiu estas la virino, kiu skribis ĉi tiun libron? Kiel okazas, ke ni tute ne konas ŝian nomon? Ĉu ŝi vivas en Ĉinujo aŭ en Usono? Jes, en Ĉinujo ŝi estis naskita kaj grandiĝinta, Pearl S. Buck. Ŝiaj gepatroj estis misiistoj sur antaŭlokita posteno. Ŝiaj gefratoj mortis jam en junaj jaroj, ĉar ili ne povis elteni la tiean malfacilan vivon. Vivante inter ĉinaj infanoj, en soleca regiono, ĉirkaŭitaj de senfinaj ondantaj rizokampoj, en sorĉo de la tradicio de multmiljare malnova imperio, ŝi estis kvazaŭ mem enradikiĝinta en la ĉinan teron. La modernan Ĉinujon de la marbordaj urboj ŝi lernis koni nur, kiam ŝi estis sendita al Ŝanghaj en la lernejon. Ŝi vizitis poste Kolegion en Ameriko, la malnova hejmlando de siaj gepatroj, kaj ankaŭ universitaton. Baldaŭ denove ekkaptis ŝin la nostalgio al la lando de ŝia infaneco. En Ĉinujo ŝi iĝis la edzino de juna misiisto, kiu poste estis vokita kiel instruisto al la universitato de Nanking. Tie ŝi eĉ hodiaŭ laboras kiel legistino. Sed ŝia patrina koro — ŝi donis al du infanoj la vivon — estis malfermita ne nur al la lando de ŝia sopiro sed ankaŭ al la humila popolo de Ĉinujo, al ĉiuj simplaj homoj, kiuj tie vivas, suferas, mortas.

Tiel ŝi poste komencis verki. Fine ŝi trovis la vojon, sur kiu ŝi povis varbi amikojn al ĉi tiu ĉina popolo, al la subigitoj kaj ŝarĝitoj, kiuj unue estis eluzitaj de iliaj feŭdaj sinjoroj kaj nun estas minacataj de la okcidenta kulturo. Kaj ŝiaj romanoj venis al New-York, trans la vastan oceanon. Eldonejo ne rapide estis trovita. Ŝi povis atendi, ankaŭ la paciencan atendadon ŝi estis lerninta de ĉi tiu popolo. Poste blovis kiel puriganta ventokirlo la praforto de ŝia »Bona tero« tra la velka foliarbaro. Eĉ la superkulturitoj, kiujn oni karakterizas en Ameriko per la vorto »sophisticated«, faris profundan reverencon antaŭ ŝi. La Pulitzer-premio estis aljuĝita al ŝia verko. Ŝi ne lasis sin erarigi sur sia vojo. Ĉar nur tie, tion ŝi sentis, kie ŝia animo estas enradikiĝinta, floras la blua floro de la poezio. Murmurante kiel la flavaj eterne malviglaj ondegoj de la Jangce, kelkfoje revema, biblie legenda kiel la sageoj kaj la fabeloj de la popolo, ofte ankaŭ kruela kiel la vivo, ŝi rakontis al ni libron post libro pri la ĉinaj homoj. Ŝi levis la vualon de fremda mondo, kiu malantaŭ altaj muroj kuŝis fermita, kaj en ŝiaj poetaj verkoj la nekonata mondo iĝis al ni travivaĵo.

En mizera ŝlimtera kabano ni renkontiĝis unuafoje kun Wang Lung, la kamparano. El la riĉa domo de Hwang li venigos Olan, la sklavinon, je sia edziniĝtago. Lia patro destinis ŝin al li kiel edzinon. La buŝo de Olan estas silentema. Sed ŝi ne havas variolpostsignojn en la vizaĝo nek leporlipojn; ŝi estas forta, taŭgas por la laboro kiel besto. La saman vesperon Wang Lung kuŝiĝas ĉe ŝia flanko kaj raŭke ridas en la mallumon... Nova vivo por li komenciĝis. Komune ili prilaboras ilian kampon; la unuaj arĝentmoneroj klaktintas en la zonopoŝo. Tri infanojn jam naskis al li Olan. Malsekeco venas en la lando. En »fajroveturilo« ili veturas kun la aliaj, kiuj estas proksime al malsatmorto, en iu urbo de la sudo. Ĉion, almozpeti, kurgvidi rikŝon, nur ne vendi la propran



Vermeer: *Knabino*

teron, nur scii, ke la propra terbulo atendas je ŝi. — Wang Lung poste iĝas riĉa viro. En la domo de la Hwang estis multe malŝparate kaj li, la iam malriĉa kamparulaĉo, nun aĉetas la grundon kaj teron de ĉi tiu riĉulo. Kvankam li mem ne povas legi kaj skribi, li sendas siajn filojn al la lernejo en la urbon. La longa »simiovosto«, kiu pendis de sia kapo, forfalas per la tondilo de la barbiro. Li prenas konkubulinon en la domon. Silenteme, kiel ŝi vivis, mortas Olan. En la palaco de la riĉuloj eklogâs Wang Lung kun siaj infanoj. Sed kiam li poste sentas proksimiĝi la mortohoron, defalas de li kiel velka folio la sopiro al la riĉeco, kaj li reiras en la mizeran kabanon de siaj gepatroj, por tie tiri la lastan elspiron. — Tio estis Wang Lung, la filo de la terbulo. De li raportis al ni la unua volumo de la Wang-Saga de Pearl Buck: »La bona tero.«

Ĉar kiel Galsworthy en sia »Forsyte-Saga« formis la historion de unu gento kiel simbolon pri la estiĝo kaj pasiĝo de unu tempo, tiel ankaŭ Pearl Buck en la tri volumoj »La bona tero«, »Filoj« kaj »The House divided« (la lasta volumo de la domo Wang, kiu nun aperis en Anglujo kaj Ameriko) priskribas la sorton de unu sola familio kiel simbolon de la pasemo kaj ŝanĝiĝo de la epokoj. Se oni povas nomi »La bonan teron« alta kanto de la terbulo, la dua romano, »Filoj«, estas la bardokanto de milita, sangavida tempo. La unuenaskitaj filoj de Wang Lung nun ludas urbanojn, kun oleitaj haroj, en riĉa vesto. La plej juna, protestanta, iĝas soldato. Iam li pensis, ke li devus helpi al la malriĉuloj kaj subprematoj. Kiel militestro »Wang la tigro« li semas nur sangon kaj rikoltas la malamon de la homoj. El senama edzeco al li poste naskiĝas filo, Wang Yuan. Kaj Wang Yuan nun estas la ĉefpersono de la nova romano de Pearl Buck, kiu gvidas nin ĝis proksime al la estanteco.

»The House divided« — la domo disfalas, la trunko dissplitiĝas. La unua generacio surkonstruas, la dua konservis, la tria disfalis en si, perdis la riĉan sukon el la radikforto. Kun la fremdaj okcidentaj moroj, kun nubskrapuloj, jaroj kaj tiuj aŭtomobiloj, kiuj prirabas la malriĉan rikŝgvidanton pri lia maldolĉa, malmulta perlaboro, el Eŭropo kaj Ameriko ankaŭ envenis en la marbordaj urboj la protestantaj deziroj. Malrespekte kaj spiteme la junularo vokas: »For Konfucion!« La deziroj de la gepatroj, malnovaj tradicioj estas malzorgataj, primokataj. »La krimo komenciĝas kun la malriĉeco,« instruas la saĝulo Cha'ao Tso, »malriĉeco kun la malsufiĉo de la nutraĵo, malsufiĉo kun la malzorgo en la flego de fruktoporta terbulo. La homo, sen ĉi tiu kateno, kiu ligas lin al la tero, iĝas senhejma. Nek fortikigitaj urboj, nek severaj leĝoj kaj kruelaj punoj poste povas obeigi ĉi tiun maltrankvilan rab-spiriton.« En nia tempo de la maltrankvilaj deziroj, kiam la homoj de Ĉinujo — same kiel la homoj el la okcidento — malligiĝis de la terbulo kaj nun estas sentenaj, ĉi tie elkreskas Wang Yuan, la filo de la »tigro«. Ankoraŭ li sentas sin interne ligita al la tero; li volus vivi, kie estas arboj kaj kampoj. Bolsanga malprudento pelas lin al la revoluciaj sekfaj kunvenoj. Li estas enkarcerigita kaj devus esti ekzekutata. Oni fine helpas al li fuĝi. En Ameriko li ekkonas la mondon de la okcidento — ekkonas kaj ekmalŝatas, ĉar li sentas, ke li, kiel fremdulo, tie estas malestimata. Post ses jaroj li revenas. En Ĉinujo nun la flamo de la revolucio ekflamiĝas. Wang Yuan vidas plu malsati la malriĉulojn; kiu venas al potenco, tiu uzas perforton. La malnova estas detruita, dispremita, por la nova surkonstruo mankas al la juna Ĉinujo forto kaj kompreno. La patro de Yuan, »Wang la tigro«, mortas, surprizatakita de rabisto nehome torturita. Ĉe la flanko de virino, kiu unuigas la benon de la malnova kaj de la nova tempoj, Wang Yuan retrovas la vojon al la hejma terbulo. Nur ĉi tie sole lia vivarbo floros kaj portos fruktojn.

Kun ĉi tiu elrigardo al la nova matenruĝo finiĝas la trilogio. Ne imitu la ĥaoson de la malfeliĉa okcidento, admonas la patrina voĉo de Pearl Buck. Kaj maljunan kamparanon ŝi igas pripenseme diri: »Estas malbone, rompi la leĝojn de la terbulo. La dioj ne pardonos al mi, se mi uzas rimedojn, kiuj estas kontraŭ iliaj leĝoj — la dioj de ĉi tiu tero, ili ekkonas la rajtan posedanton... La dioj de ĉi tiu bona tero, ili ekkonas kaj benas lin! Sed ĉu Pearl Buck, ni nun demandas, skribis nenion alian ol tri romanojn pri la ĉinaj homoj? Ĉu ni ne ĉiuj devojiĝis de la terbulo? Ĉu ankaŭ ni ne vivas en ĉi tiuj ĉebordaj urboj, kvazaŭ sur la bordo de sovaĝe movata vivomaro, kaj ĉu ankaŭ ni ne strebas al feliĉo, kiun ni mem perdigis per nia maltrankvilo? Al la poeto restas, revi tie, kie la saĝo ne trovas eliron. Pearl Buck fidas al la revoj — ŝi estas poetino. *F. W. V.*

(V.) GEORGES BLOND: L'AMOUR N'EST QU'UN PLAISIR (La Amo estas nur Plezuro). Jen debuto, kiun oni povas rigardi sukceso, ĉar la aŭtoro nedubeble posedas denaskan talenton. Ĝi apartenas al speco eminente franca: al la satira realismo; kaj ĝi pensigas samtempe pri Courteline kaj pri la plej reprezentaj verkoj de la popolisma tendenco. Ĝi estas amuza sed tute ne gaja libro.

S-ro Billautrain, honesta etburĝo, unuafoje ekkonas la plenan liberon en sia 63-a jaro. Konscience li plenumis sian karieron de pian-agordisto, ĝis kiam la abundo de gramofonoj kaj radi-aparatoj lin devigis al cetere plene meritita retiriĝo en la privatan vivon. Eble li estus tiam ĝuinta kvietan feliĉon. Sed lia disputema edzino kaj — post ŝia morto — la netolereble tirana servistino lin senkompate turmentadis.

Tamen, en la unua ĉapitro de la libro, ni vidas kiel li seniĝas sin de la trudema servistino. Nun li estas tute sola kaj povas finfine agi laŭplaĉe. Nu, kion li faros? *L'Amour n'est qu'un plaisir* similas al la tiel nomataj »romanoj kun tirkestoj«. La rakonto iras iom zigzage kaj prezentas plurajn epizodojn, kiuj ne rilatas la ĉef-temon. Ekzemple la Asocio de la Skandal-minacantoj povus fari tre bonan memstaran novelon. Temas simple pri grupo de junaj kanajloj, kiuj disiĝas kiel ili kuniĝis, ne lasante post si la plej etan spuron.

La nomoj de la figuroj ŝajnas esti ĉerpitaj el vodvilo: s-ro Ladouceur (la dolĉeco), Marie Laborne (la mejlŝtono), la adjutanto Pegre (popolaĉo) ktp.

Sed ni revenu al niaj ŝafoj. Apenaŭ s-ro Billautrain liberiĝis de la ordonema servistino, Diane Pothique, li jam falas sub alian jugon. Lia nevino Elise lin vizitas kun sia multnombra familio. Tre agrabla persono ŝi estas, iom simila al heroino de detektiv-romano, kiun s-ro Billautrain legis kun streĉa intereso — ĉar kvankam s-ro Billautrain ne estas intelektulo, li ofte legas tiaspecajn novelojn. Ŝi tuj inspiras al li tre aŭdacan penson, kiun baldaŭ firmigas neatenditaj cirkonstancoj: tra la maldika somer-robo Billautrain iam ekvidas ŝiajn krurojn. Tre konfuzita, li subite konscias, ke li fuŝis sian vivon...

Post kelka tempo, Elise kun sia multkapa idaro, definitive instaliĝas en la hejmo de la maljunulo, kiu pli kaj pli sentas sin troa, nedezirata, forpuŝata. Fine, vidante ke li plu ne havas lokon en la propra domo, li decidas ĝin forlasi por vivi en publika kadukejo. Tie lin foje vizitas Elise. S-ro Billautrain unue kredas, ke ŝi faros al li neesperitan komplezon, sed li devas tuj seniluziiĝi. La celo de ŝia vizito estas pure financa. Necesas, ke la *bonkora onklo* faru sian testamenton tiamaniere, ke lia modesta heredaĵo *restu en la familio*. Tial, ŝi konsentas lin akcepti hejme kaj eĉ escepte regali per etaj komplezaĵoj.

